VIIIa jaro. No 125 ★ JUBILEA NUMERO ★ 20 Junio 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

DIREKTORO : HECTOR HODLER

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## TEKSTO



# JUBILEO DE ESPERANTO

Junio 1887 ! Junio 1912 !

Dudek-kvin jaroj forpasis, de kiam aperis la unua modestŝajna, sed fruktoriĉa, broŝureto de Doktoro Esperanto, el kiu poste elkreskis nia tuta movado.

Malfacila, penplena, ofte dolora periodo !

Se malgraŭ ĉiuj batoj de l'sorto, Esperanto venke eltenis, se spite ĉiuj eksteraj malhelpoj kaj internaj tumultoj, ĝi sukcesis atingi la favoran situacion, kiun ĝi nun okupas, ĉu tion ni antaŭ ĉio ne ŝuldas al tiuj humilaj unuaj Esperantistaj pioniroj, kies fervoron kaj kvazaŭreligian entuziasmon velkigis nek indiferenteco, nek moko, nek penso pri la superhomeco de la tasko plenumota ? Eble, la nomoj de la plej fervoraj kaj memoferemaj restos eterne forgesitaj ; multajn jam prenis la tombo ; aliajn devige forpelis el la batalkampo la necesajoj de la vivo ĉiutaga, sed, ĝuste en la momento, kiam nia afero estas en esperplena vivado, ni ne rajtas forgesi nian ŝuldon al tiuj sentimaj batalintoj, kiuj, kiel Einstein, Trompeter, Grabowski, Gernet, Nylen kaj tiom da aliaj, penegis disvastigi nian lingvon meze de la plej kruela indiferenteco, aŭ, per ĝi, verkis tiujn pecojn, kiuj estas ankoraŭ nun la plej puraj juveloj de nia Esperanta literaturo.

Tiun ĉi numeron de ESPERANTO ni do decidis ekskluzive dediĉi al tiu tiel grava kiel instrua periodo, kia estas la historio de Esperanto en ĝia unua jardeko. En la sekvantaj paĝoj, niaj legantoj trovos pri tiu ofte tro malbone konata periodo — la heroa aĝo de Esperantismo — notojn verkitajn de spertaj samideanoj.

Povu tiuj kelkaj paĝoj helpi al pli ĝusta kono de nia historio, al pli granda respekto por la senlaca penado de niaj pioniroj, al pli intensa fervoro por Esperantismo, malgraŭ ĉiuj malglatajoj de la vojo.

Kiel en la unuaj tagoj, ni havu antaŭ ni la belajn vortojn de Zamenhof :

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan !
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.

ESPERANTO.

Sekve de la apero de tiu Jubilea Numero, ni estas devigataj prokrasti ĝis la venonta N-o. la aperon de la kutimaj rubrikoj, ekster de la reklamoj kaj anoncetoj, kiujn oni trovos ĉe ilia ordinara loko.

# EL LA HISTORIO DE ESPERANTO

Ni havas la plezuron prezenti al niaj legantoj por tiu speciala jubilea numero kelkajn paĝojn eltiritajn kun permeso de la aŭtoro el grava verko de S-ro *Edmond Privat: HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO*, kies unua volumo (1887-1900) nun presiĝas kaj aperos post kelkaj tagoj kiel eldonajo de « Universala Esperantia Librejo ». *(Redakcio).*

## Apero de la « Unua Libro »

En julio 1887 eliris el presejo la unua eldonajo, la rusa fundamenta lernolibro, por kiu estis ricevita permeso de la rusa cenzuro antaŭan monaton. Ĝi titoliĝis : « D-ro Esperanto. Internacia Lingvo. Antaŭparolo kaj Plena Lernolibro [por Rusujo]. Varsovio, Tipo-Litografejo de Ĥ. Kelter, str. Novolipie N° 11 — 1887 — » kun devizo : « Por ke lingvo estu universala, ne sufiĉas nomi ĝin tia ».

Saman jaron D-ro Zamenhof ankaŭ eldonis polan, francan kaj germanan tradukon de tiu unua broŝuro ĉiam laŭ la sama plano : Antaŭparolo ; alfabeto de la Lingvo Internacia ; dek-ses gramatikaj kaj sintaksaj reguloj ; kelkaj Esperantaj tekstoj : *Patro Nia, El Biblio, Modelo de Letero, poemo « Mia penso » traduko el Heine, poemo « Ho mia Kor' »* ; vortaro internacia-nacia enhavanta 918 radikojn.

Sur la libreto estis ankaŭ presita, ke « Lingvo internacia, kiel ĉiu nacia, estas proprajo de ĉiuj » kaj ke « la aŭtoro forlasas por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn al ĝi ; » « la rajto de traduko de tiu ĉi broŝuro en ĉiujn aliajn lingvojn apartenas al ĉiuj ».

Al sia antaŭparolo D-ro Zamenhof aldonis modelojn de promesoj kaj plenigeblajn paperetojn : « Mi subskribinta, promesas, ke mi lernos la lingvon internacian de D-ro Esperanto, se estos montrite, ke dek milionoj da personoj subskribis tiun saman promeson ».

Kiam dek milionoj da respondoj estus ricevitaj, ĉiuj nomoj kun adresoj devus esti publikigataj, kaj Esperanto ricevus dek milionojn da adeptoj.

Kiuj ne aprobis la aferon devis respondi « kontraŭ » aŭ proponi ŝanĝojn. Kiuj deziris tuj lerni la lingvon devis resendi la papereton kun surskribo « senkondiĉe ». Ankaŭ grandan iluzion havis D-ro Zamenhof pri la tuja valoro de la dividebleco de Esperantaj vortoj : parol'ad'ist'o. Li esperis, ke homoj eble uzos la lingvon internacian por korespondi kun malsamnacianoj sendante al ili la vortareton kvazaŭ ŝlosilo de ia sekreta alfabeto.

Adeptojn kaj uzantojn la lingvo akiris en maniero multe pli rekta ol D-ro Esperanto kuraĝis esperi, kaj li poste ne bezonis bedaŭri, ke montriĝis nepraktikaj kelkaj detaloj en liaj propagandaj proponoj. Akirinte fremdajn adreslibrojn, D-ro Zamenhof pasigis multege da tempo skribante adresojn kaj dissendante la « Unuan Libron » al diverslandaj jurnaloj redakcioj, societoj, profesoroj, kuracistoj. Ankaŭ pagitajn anoncojn li enpresigis en fremdaj gazetoj, petante, ke oni skribu al li por ricevi lernolibron de « Lingvo Internacia ». Tiu lasta propaganda rimedo ofte montriĝis la plej efika. Inter la plej konataj samideanoj pli ol unu estis varbata tiamaniere.

## Unua jaro. La « Dua Libro »

Jam antaŭ la fino de tiu jaro 1887 Zamenhof aperigas novan broŝuron, la *Dua Libro de l'Lingvo internacia, de D-ro Esperanto.* En ĝi li jam dankas pro la granda nombro da aliĝoj kaj aproboj. Tiun tujan entuziasmon li eĉ ne atendis. Post tiom da jaroj de soleca laborado, post la tremigaj tagoj de dubo kaj atendado, alvenis subite tiuj kelkcentoj da fervoraj amikoj kvazaŭ lumegaj radioj de varma leviĝanta sumo. La promesojn tre multaj resendis forstrekinte ĉiujn kondiĉojn. La lingvon ili tuj eklernis kaj ankaŭ ekuzis. Naskiĝis anaro de la nova lingvo. Ĉu al regado sin preparas Zamenhof ? Ne, tre malpacience li deziras la momenton, kiam la tutan lingvon li povos lasi al ĝia uzanta popolo. Ne regadi li volas sed ke lia lingvo vivu. Jam tute klare li komprenas, kiamaniere lia lingvo fariĝos vere vivanta.

Por respondi ĉiujn demandojn li aperigos kvin aŭ ses kajerojn, en kiuj li donos klarigojn kaj tekstoj en la lingvon. « Kiam la lasta kajero de l'libro estos elirinta, tiam (1) por la leganto nenio jam estos neklara : la societo tiam konos la tutan animon de l'lingvo, ĝi tiam havos *plenan* vortaron kaj povos tute *libere* uzi la lingvon por *ĉiuj celoj*, kiel ĝi povas nun uzi ĉian riĉan kaj prilaboritan vivantan lingvon. La dependo de la lingvo de l'volo aŭ de l'talento de mia propra persono aŭ de ia alia aparta persono aŭ personaro tute foriĝos. La lingvo tiam estos tute preta en ĉiuj plej malgrandaj ĝiaj partoj. La persono de l'aŭtoro tiam tute foriros de la sceno kaj estos forgesita. »

« ..... La sorto de ia vivanta lingvo tute ne dependas de l'sorto de tiu ĉi aŭ tiu persono. »

Kompreneble samtempe kun aliĝoj Zamenhof ricevis grandan nombron da kritikoj kaj ankoraŭ pli multe da helpemaj proponoj pri reformoj. Unu proponis ŝanĝeton en tio, alia en tio ĉi, multaj donis afablajn konsilojn, ĉiuj certigis, ke la lingvo estus tute perfekta, se oni akceptus ilian malgravan proponeton. Bedaŭrinde la proponoj kontraŭis unu la alian en plej supozebla maniero : kaj ĝuste tio, kion unu volus nepre forigi de la lingvo, estas, laŭ alia, la sola punkto, kiun oni nepre devos lasi netuŝebla.

Grandan aŭtoran modestecon Zamenhof ĉiam havis. Ĉiujn opiniojn kaj konsilojn li deziris uzi, por ke la lingvo estu la verko ne lia sed de la mondo. En tiu « Dua Libro » li anoncas, ke ankoraŭ dum 1888 la lingvo restos senŝanĝa. Dume li serioze kaj profunde ekzamenos ĉiujn proponojn kaj kritikojn de la publiko, kaj poste la lingvo ricevos sian definitivan formon.

« Ĉio bonigebla estos bonigata per la konsiloj de l'mondo. Mi ne volas esti *kreinto* de l'lingvo, mi volas nur esti *iniciatoro.* » Tiuj ĉi lastaj vortoj estas eble la plej grava parolo de Zamenhof, ĉar ĝi klarigas samtempe la kaŭzon, kial sukcesis kaj viviĝis lia lingvo, kaj la kaŭzon, kial malsukcesis kaj malvivis la artefaritaj sistemoj de aliaj homoj. Vivas Esperanto ĉar ĝi nature kreskadis : ĝian unuecon konservis ne la volo de unu homo, sed la uzado kaj sentado de ĉiam grandiĝanta anaro.

Anstataŭ mem perfektigi sian lingvon laŭ la diversaj ofte kontraŭsencaj kritikoj de li ricevitaj, Zamenhof jam preferus transdoni tiun ĉi taskon al ia pli klera sciencularo.

« Se ia kompetenta akademio min sciigos, ke ĝi volas preni tiun ĉi laboron, mi tuj sendos al ĝi la tutan materialon, kiu estas ĉe mi, mi fordonos al ĝi la tutan aferon, mi foriros kun la plej granda ĝojo je eterne de l'sceno, kaj el aŭtoro kaj iniciatoro mi fariĝos simpla amiko de la lingvo internacia, kiel ĉiu alia amiko. Se tamen nenia el la instruitaj akademioj volos preni mian aferon, tiam mi daŭrigos la publikigadon de l'proponoj, sendataj al mi, kaj laŭ mia pro-

(1) En la originalo troviĝas *tian, ĉian, kian*, primitivaj formoj. En la aldono al la Dua Libro (1888) Zamenhof definitive akceptis la nunajn formojn *tiam, ĉiam, kiam*, kiuj evitas konfuzon kun *tia, ĉia, kia.*

pra pensado kaj laŭ la pensoj de l'publiko, sendataj al mi pri tiuj proponoj, mi mem antaŭ la fino de l'jaro decidos la finan formon de l'lingvo kaj mi sciigos, ke la lingvo estas preta. »

Ĉiam tute demokrataj principoj. Eĉ al tia « kompetenta akademio », kies helpon li esperas, Zamenhof ne volus transdoni ĉiopovan aŭtoritaton, kiun li mem neniam volus havi, sed la taskon ekzameni la proponojn de la publiko kaj perfektigi la lingvon *laŭ la ideoj esprimitaj de ĉiuj*. Tiun ĉi metodon Zamenhof senescepte konservis dum sia tuta posta agado. Ankaŭ en la *Dua Libro* li rekomendas, ke oni ne ĉesigu la kolektadon de l'dek milionoj da promesaj subskriboj, sed tiu ĉi alvoko ŝajne ne forte aŭdiĝas kaj multaj daŭras lerni mem la lingvon anstataŭ serĉadi promesantojn. Baldaŭ tiu kolektado estas tute forgesita afero.

## Amerika Filozofia Societo kaj « Aldono al la Dua Libro »

Dum *Volapük* plej forte bruadis, en 1887, grava usona societo ekstudis la demandon pri lingvo internacia: La 21-an de oktobro 1887, la Amerika Filozofia Societo (*American Philosophical Society*. Philadelphia, fondita de Franklin en 1743), elektis komitaton « por ekzameni la sciencan valoron de *Volapük* ». Tiu komitato, ankoraŭ ne ricevinte la unuan broŝuron de D-ro Esperanto, tute kondamnis Volapük kaj alvenis al tiuj samaj konkludoj pri lingvo tutmonda, al kiuj venis ankaŭ Zamenhof. La principoj, kiujn la komitato ellaboris por la lingvo teorie, estis pli malpli egalaj al tiuj, kiujn, Esperanto efektivigis praktike, t. e. ke la lingvo internacia devas havi gramatikon plej simplan kaj naturan, ortografion tute fonetikan, belsonecon agrablan al la oreloj kaj vortaron konsistantan el la plej komunaj radikformoj inter la ĉefaj eŭropaj lingvoj de l'Aria fonto. La Amerika Filozofia Societo decidis dissendi al ĉiuj instruitaj societoj la proponon fari internacian kongreson de kleruloj por decidi la finan formon de lingvo tutmonda.

Kiam la komitato ricevis la broŝuron de D-ro Esperanto, ĝi komprenebIe trovis, ke lia lingvo internacia estas la plej simpla kaj la plej racia solvo de problemo. Unu el la tri komitatanoj, S-ro Henry Phillips prezentis raporton pri la nova lingvo kaj baldaŭ publikigis ĝin kun angla-esperanta vortaro (*An attempt towards an international language by D-ro Esperanto, Henry Phillips, 1889*).

La iniciato de l'Amerika Filozofia Societo ĝuste respondis la revon de Zamenhof. Tuj kiam li sciiĝis pri tio, granda ĝojo plenigis lian koron. En junio 1888 Zamenhof publikigas la *Aldono al la « Dua Libro de l'Lingvo Internacia » de D-ro Esperanto*, en kiu li anoncas la decidon de l'Amerika Filozofia Societo. La tutan sorton de la lingvo internacia li transdonas al la kongreso proponita de l'Am. Fil. Societo: « Mia rolo nun estas finita, kaj mia persono tute foriras de la sceno ». Sed feliĉe Zamenhof antaŭvidas ankaŭ eblan malsukceson de tia kongreso, kaj li ĉiujn amikojn admonas, ke ili ne ĉesigu sian laboradon « atendante la kongreson », ĉar ĝi « povas ankoraŭ ne efektiviĝi, kaj se ĝi efektiviĝos, povus ankaŭ okazi, ke ĝi donos neniajn praktikajn rezultatojn ». Li do petas, ke ĉiuj diligente laboru laŭ la vojo jam unu fojon elektita, sed ke oni ne plu konsideru lin kiel kondukanton: « ĉion, kion mi de nun faros aŭ skribos mi ĝin ĉion faros jam kiel simpla privata amiko de la lingvo internacia, havanta nek pli da kompetenteco, nek pli da moralaj aŭ materialaj privilegiaj, ol ĉiu alia». Li deklaras ke tiu ĉi *Aldono al la Dua Libro* estas la lasta el la anoncitaj kajeroj, kaj la manieron, en kiu devas vivi la lingvo, li priskribas per kelkaj admirindaj paĝoj, kies science profetan valoron montros ĉiumomente la posta historio de Esperanto.

Unu fojon por ĉiam li volas en tiu ĉi lasta libro respondi al gravaj demandoj.

Li decidas anstataŭigi ian, ĉian, tian, ktp., per iam, ĉiam, kiam, por eviti konfuzon kun la akuzativo de ia, ĉia, kia, ktp., sed krom tio li anoncas, ke li faros en la lingvo absolute nenian ŝanĝon. Tiu privilegio apartenos nur al la kongreso proponita de l'Am. Fil. Societo kaj, se tiu ĉi ne efektiviĝos, la amikoj de la lingvo faros mem kongreson por tio.

Genio kelkfoje montriĝas per aferoj, kiujn unu homo *ne* faras, dum ĉiuj ceteraj ĝin farus en simila cirkonstanco. Zamenhof komprenis, kiel lingvo estas kreata *de la vivo*. Li ne volas « eldoni aŭtore plenan vortaron kaj krei laŭ sia persona plaĉo la tutan lingvon de l'kapo ĝis la piedoj » « Unu homo tie povas esti nur iniciatoro, sed ne kreanto ». Li jam ekvidas, ke lia lingvo fariĝas vere vivanta per uzado. La malgranda fundamento estas kvazaŭ semo jetita en la mondon, sed el ĝi, super ĝi devas kreski la tuta lingvo, kiel potenca kverko el humila glano..

« Por ke la lingvo povu regule, unuforme kaj unuvoje progresadi malgraŭ ia disjetita laboro de malsamaj personoj en malsamaj lokoj de la tuta mondo, oni devis krei komunan fundamenton, sur kiu ĉiuj povus labori. Tia komuna fundamento por la « Lingvo internacia » devas esti mia unua broŝuro (Lingvo internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro) kiu havas en si la tutan gramatikon de la lingvo kaj sufiĉe grandan nombron da vortoj... Ĉio cetera devas esti kreata de la homa societo kaj de la vivo, tiel kiel ni vidas en ĉiu el la vivantaj lingvoj... En ĉio, kio en la dirita broŝuro ne estas trovata, kompetenta devas esti de nun ne la aŭtoro aŭ ia alia persono — la solaj kompetentaj nun devas esti talento, logiko kaj la leĝoj kreitaj de la plej granda parto de la verkantoj kaj parolantoj ».

Pri ĉiuj stilaj aŭ gramatikaj demandoj, kiujn ne decidas klare la Unua Libro, Zamenhof konsilas, ke oni sin ne turnu al li, sed rigardu, kiel tiun demandon decidas la plejmulto de l'verkantoj.

« La lingvo internacia devas vivi, kreski kaj progresi laŭ la samaj leĝoj, laŭ kiaj estis ellaborataj ĉiuj vivaj lingvoj, kaj tiu formo, kiun mi donis al ĝi, tiu gramatiko kaj vortaro, kiujn mi prezentis, devas esti sole fundamento, sur kiu estos ellaborata la efektiva lingvo internacio de l'estonteco ».

Ne ellaborata per decidoj de komitato, sed per la ĉiutaga vivado, uzado de la lingvo. En tiuj paĝoj Zamenhof ŝajnas jam forgesi pri la ebla reformado, kiun la « kongreso de kleruloj » povus fari en la fundamento. Li bone sentas, ke la ĉefa afero estas, ke la lingvo vivu kaj kresku el tiu fundamento en si mem tiel malgrava. Konsilante, li prave profetas samtempe. Kiel efikos ŝanĝoj en la fundamento, kiam la lingvo estos jam vaste elkreskinta, kiam ĝi havos tradicion kaj literaturon ? Kleruloj povos veni, diskutadi, proponi reformojn de l'fundamento, sed la lingvon mem tio ne tuŝos. Jam longe for ĝi kuradis. Al ĝia fonto riveregon neniu povas revenigi. La fundamento estas nur malgranda forira punkto. Ĝin detruu kaj ŝanĝadu : la lingvo ne vivas tie, sed en sia tradicio, kiun neniu povos forpreni. « Kiam la lingvo sufiĉe fortiĝos, kaj ĝia literaturo sufiĉe vastiĝos, tiam ankaŭ tio, kio estas en mia unua broŝuro, devos perdi ĉian signifon kaj sole kompetentaj tiam devos esti la leĝoj ellaborataj de la plejmulto ».

« Por la lingvo internacia la fundamento reprezentas tiun lingvan materialon, kiu estis por ĉiu moderna lingvo en la komenco de regula skriba literaturo. Estis jam gramatiko kaj sufiĉa kolekto da vortoj, sed multo ankoraŭ malestis multaj vortoj kaj esprimoj. « Tiuj ĉi vortoj estis kreataj unu post unu, laŭ la kreskanta bezono, kaj malgraŭ ke ili estis kreataj dise de malsamaj personoj, sen ia kondukanto aŭ leĝdonanto, la lingvo ne sole ne disdividiĝis, sed kontraŭe, ĝi ĉiam pli unuformiĝis, la dialektoj kaj provincialismoj iom post iom perdiĝis antaŭ la fortiĝanta komuna literatura lingvo... Oni devas memori, ke ĉiu lingvo

servas por esprimi niajn pensojn, sed ne por senpense traduki el aliaj lingvoj ; oni devas tial peni esprimi siajn pensojn per la jam estantaj vortoj kaj kreadi novajn vortojn nur tie, kie ĝi estas efektive necesa, kaj tiam la vortoj nove kreataj estas nur malofte disjetitaj inter la multo da vortoj jam konataj kaj povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉigi ĝin ne perdigante ĝian unuformecon ».

La diversaj novaj vortoj trapasos dum kelka tempo la necesan batalon por la vivo. Ĉiuj neoportunaj kaj nebelaj estos forlasitaj kaj « mortos de neuzado ». Kontraŭe la plej bonaj kaj bezonataj vortoj baldaŭ troviĝos sub ĉiuj plumoj, sur ĉiuj lipoj, kaj vere eniĝos la lingvon. « Tiel ju pli energie vastiĝos kaj riĉiĝos la literaturo de la lingvo internacia, des pli baldaŭ ni havos unuforman pli malpli plenan vortaron ». Zamenhof klare esprimas, ke la interesoj de l'afero postulas lian rifuzon fari tuj grandan vortaron laŭ lia propra plaĉo. Li rekomendas, ke oni verku literaturajojn kaj eldonu jurnalojn.

Li esperas, ke diverslandaj samideanoj preparos bonajn naciajn lernolibrojn. Li intencas doni numeron al ĉiu nova eldonaĵo kaj publikigi bibliografian liston ĉiumonate, komencante de Aŭgusto 1888. La ĉefa deziro de Zamenhof estas, ke oni *uzu* la lingvon, ke ĝi vivu kaj riĉiĝu per si mem. La plej bona propagando ankaŭ estas la uzado. Zamenhof insistas por ke ĉiuj libere laboru, en sia sfero kaj laŭ siaj fortoj, sed senhalte kaj diligente.

Tiuj ĉi konsiloj baldaŭ troviĝis profetaĵoj ĉar la invito de l'Amerika Filozofia Societo ricevis nur tre malmulte da respondoj kaj la proponita kongreso ne povis okazi. S-ro Henry Phillips fariĝis varma pioniro de la lingvo de D-ro Esperanto, ĝin propagandis kaj eĉ energie defendis kontraŭ reformaj proponoj.

La lingvo malrapide — sed bone — iradis, laŭ la tute natura vojo antaŭmontrita de ĝia « iniciatinto ».

## Nürnberg. Einstein « La Esperantisto »

En jaro 1885 fondiĝis en Nürnberg granda volapukista Klubo, kies plej fervora membro S-ro Leopold Einstein faris vastan propagandon en Germanujo. Verkojn kaj artikolojn li publikigadis por la lingvo tutmonda kun nelacigebla entuziasmo. En Aŭgusto 1888 Leopold Einstein ricevis la « Unua Libro » kaj la « Dua Libro » de D-ro Esperanto. Ambaŭ verkoj lin konvinkis pri la sola bona solvo de l'problemo, kaj li fariĝis entuziasma adepto de la nova lingvo, kiun li ellernis en kelkaj tagoj. Post ok semajnoj li publikigis germanan broŝuron : *La lingvo internacia als beste Lœsung des Internationalen Weltsprache-problems* (La L. I. kiel plej bona solvo de l'problemo pri internacia Mondlingvo) kaj li komencis energian propagandon en Germanujo. Lin timigis nek la insultoj de l'volapukistoj nek, lia tre malbona sano, kiu lin forprenis el la vivo la sekvantan jaron 1889, kiam li estis kvindek-kvin jara. La nomo de Einstein restis ĉiam tre granda inter la Esperantistaro.

Ne vana estis la mallonga sed admirinda agado de tiu unua apostolo. Dank'al li konvertiĝis al nia lingvo la tuta Nurnberga Volapukista Klubo en Decembro 1888.

En oktobro 1889 D-ro Zamenhof eldonas en Varsovio la unuan *Adresaron de la personoj kiuj ellernis la lingvon « Esperanto »*. Ĝi entenas mil nomojn. Jam la antaŭan jaron, sur la kovrilo de l'*Aldono al la Dua libro* estis presita : « Nomaro de l'verkoj pri la lingvo internacia (Esperanta) » La pseŭdonimo de l'aŭtoro baldaŭ fariĝis la nomo mem de la lingvo, laŭ la uzado de l'adeptoj. Anstataŭ la neklara esprimo « la internacia », oni diris « la lingvo de Esperanto », die « Esperanto-Sprache », pli malfrue la « lingvo Esperanta », « la lingvo Esperanto », kaj tiel iom post iom ellaboriĝis unuvorta nomo de la lingvo.

Krom la verkoj de Zamenhof, t. e. la eldonoj de l'unu libro en rusa, pola, franca, germana, hebrea kaj sveda, lingvoj malgrandaj vortaroj en samaj lingvoj, pli grandaj vortaroj rusa-internacia kaj internacia-germana, la Dua Libro, la aldono al la Dua Libro, kaj la rusaj tradukoj de ambaŭ tiuj lastaj verkoj; jam aperis antaŭ Oktobro 1889 angla lernolibro de Geoghegan, la angla propaganda broŝuro de Henry Phillips, la germanaj broŝuroj de Leopold Einstein, kaj du Esperantaj tradukaĵoj de A. Grabowski: *La Neĝa Blovado*, de Puŝkin kaj *La Gefratoj* de Gœthe, entute 31 verkoj kies eldonon preskaŭ tutan pagis D-ro Zamenhof mem. Tiun saman jaron fondiĝas la unua organo de la Esperantistoj. La 1-an de Septembro 1889 aperas la unua numero de **Esperantisto**, *Gazeto por la amikoj de la lingvo Esperanto sub la kunlaborado de D-ro Esperanto (D-ro L. Zamenhof) eldonata de Chr. Schmidt, prezidanto de la Klubo mondlingva en Nürnberg. Eliras unu fojon en monato (1 marko por 1/4 jaro)*. Tiu unua numero entenas « Prospektan » ĉefartikolon en la germana, franca kaj esperanta lingvoj. La ceteraj artikoloj estas presitaj nur germane kaj Esperante. Tiuj du lingvoj estas ankoraŭ uzotaj ĝis la tria numero, kaj poste la gazeto redaktiĝas preskaŭ tute en Esperanto.

Ĉe la fino de l'unua jaro la gazeto havis 113 abonintojn, plejparte rusajn. En la listo aldonita al n· 12 troviĝas interalie la nomoj de *Bogdanov*, *Oreŝkof* kaj *Popof* en Bulgarujo ; *Geoghegan* en Anglujo ; *Trompeter*, en Germanujo ; *de Beaufront* kaj *Demongel*, en Francujo ; *Rodriguez Huertas*, en Hispanujo ; *Grabowski, Dombrowski, de Wahl, Lojko, Zinoviev* en Rusujo ; *Silbernik* en Nordameriko.

*La Esperantisto* tuj fariĝis plej efika centrigilo kaj kuraĝigilo inter la diverslandaj adeptoj, kiuj antaŭe havis kvazaŭ neniun alian ligilon ol sian korespondadon kun D-ro Zamenhof. La gazeto donas bonajn tekstojn, kiuj helpas pli profundan studadon de la lingvo ; ĝi ebligas la aŭtoron de la lingvo doni ĝeneralajn klarigojn al ĉiuj per siaj « Respondoj al Amikoj » kaj samtempe ĝi informadas pri la progresoj de Esperanto. En la 2a n· (junio 1889) anonciĝas la fondo de Esperantista Rondeto en *Moskvo* kaj de Esp. grupo en *Sofia* (Bulgarujo). En tiu ĉi lasta urbo fondiĝas Esp. gazeto *La Mondlingvisto* baldaŭ anstataŭota de la same mallongviva *Espero*. En Majo 1890 S-oj *Schmidt* kaj *Gagel* el Nürnberg fondas « Asoziacionon (sic) por la korespondado internacia ». Internacia vivado per Esperanto komenciĝas. Ekformiĝas Esperantujo.

Ĉirkaŭ tiu tempo mortis la fervora apostolo Einstein, tiu unua granda pioniro de nia afero. Funebras la tuta Esperantistaro. En Germanujo daŭras propagandi S-ro Chr. Schmidt farante multajn paroladojn en diversaj urboj. En fino de 1891, krom Nürnberg ekzistas grupetoj en **Munĥeno** (prezidanto : *Ludwig Meier*), **Schalke** (prez. *Trompeter*), en Friburgo. Sveda Esperantista grupo fondiĝis en *Upsala* kaj hispana rondeto en *Malaga*.

Neoficiale fondiĝis iom post iom multaj grupetoj en granda nombro da rusaj urboj. En tiu granda lando la starigo de publika societo estas tre malfaciligata de la politikaj cirkonstancoj.

Nur la 15an de Aprilo 1892 la grava societo « Espero » fondita la antaŭan someron en **St-Peterburgo** ricevis oficialan permeson de la Ministro de l'Internaj aferoj.

En siaj diversaj kampoj la plej fervoraj adeptoj energie laboradas por disvastigi la lingvon. Paroladojn ili faras aŭ artikolojn verkadas por jurnaloj, En germana, rusa kaj sveda gazetaroj jam aperis ĝis 1892 bela nombro da artikoletoj pri la Esperanta afero. Momentan bruadon kaŭzis la aliĝoj al nia afero de grafo *Tolstoj*, la fama rusa verkisto, kaj de sveda parlamentano *A. Adelskœld*, membro de l'Reĝa Akademio en Stockholm, kiu verkis la unuan muzikon de l' « Espero » kaj disdonis presitajn kopiojn de tiu himno ĉe la Packongreso de Romo en aŭtuno 1891.

Ankaŭ la literaturo de la lingvo rapide kreskis ĝis la fino de 1891. Tiam ekzistas jam 33 lernolibroj, propagandaj broŝuroj aŭ vortaroj en 12 lingvoj, literaturaj tradukoj el dek-sep diverslingvaj ĉefaŭtoroj kaj kelkaj originalaj verketoj de *Meier, Grohn, Fez, Goldberg* kaj aliaj krom *Zamenhof*. De *A. Grabowski* jam eldoniĝis krom la « Neĝa Blovado » kaj la « Gefratoj » — liaj tradukoj de « La Nova Jaro » de Prus (1) kaj de « Janko Muzikanto » de Sienkiewicz (2) kaj ankaŭ lia Esperanta frazlibro « Kondukanto internacia de l'interparolado kun modeloj de leteroj ». De *E. de Wahl* jam aperis traduko « Princino Mary » de Lermontov, preskaŭ samtempe kiam « Elektitaj Fabloj de Ezopo » tradukitaj de *I. Lojko* kaj la dramo « Renaskita Manfred » de K. R. tradukita de *V. de Maynov*.

Pri la nombro de aliĝintoj al la lingvo ĝis tiu tempo estas esprimita la jena opinio de l'Redakcio de « Esperantisto » en Januara n· de 1892 : « Laŭ la diversaj faktoj ni supozas, ke la nombro de la ellernintoj de nia lingvo nun estas ĉirkaŭe 15 — 20.000 (3). Sed dank'al tio, ke la plej granda parto de la ĝisnunaj lernolibroj ne enhavis sciigon pri la ekzistado de nia gazeto, kaj dank'al diversaj aliaj cirkonstancoj la plej granda parto de la ellernintoj estas tute deŝirita de nia afero : ni nescias iliajn nomojn kaj adresojn kaj ili scias nenion pri nia laborado ».

Efektive estis ĝis tiam nur mil kvin cent Esperantistoj enskribiĝintaj.

En oktobro 1890 « La Esperantisto » entute transiris en la manojn de D-ro Zamenhof, sed nur tre malfacile kaj multekoste li povis aperigi la gazeton kun tiel malmultaj *pagantaj* abonintoj. En aŭgusto 1891 li proponas organizon de « Akcia Societo Esperantista » por subteni la gazeton kaj la eldonadon de novaj libroj. S-ro *W. H. Trompeter*, ankaŭ proponas similan kreajon kaj jam mendas dudek akciojn. Bedaŭrinde nur malmultaj amikoj lin imitis kaj dume ĉirkaŭ la fino de tiu jaro la personaj cirkonstancoj de D-ro Zamenhof fariĝis tiel premantaj, ke li trovis sin devigata forlasi la kondukadon de la tuta afero. Fordoninte ĉiujn siajn fortojn kaj rimedojn por helpi la komencon de l'Esperanta movado, ĝia fervorega iniciatinto nun alpremiĝis al plej terura kaj mizera situacio, en kiu nenio krom malfacilaĵoj lin ĉirkaŭis ĉiuflanke. Plej malgaja kaj por Esperanto danĝera estis tiu tragedia momento.

Feliĉe tiam aperis nobla, malavara savanto, kies nomo kun tiu de Einstein eterne ripetiĝas de unu al alia generacio de Esperantistoj. *W. H. Trompeter*, la fondinto de rondeto en Schalke (Germanujo), estis ne riĉa, sed tre sindonema kaj multlaboranta viro. Lia energio ebligis lin oferi la necesan sumon por subteni la tutan entreprenon de la gazeto ĝis 1894.

## La Ligo

En la fino de 1889 unu jaro kaj duono jam pasis de la tempo, kiam la Amerika Filozofia Societo dissendis invitojn al organizo de tutmonda kongreso de instruitoj por elekti internacian lingvon. Tia kongreso ne okazis, kaj la ideo renkontis nur treege malmultajn aprobojn. En la 3a N-ro de la « Esperantisto » D-ro Zamenhof notas tiun fakton kaj opinias, ke tia kongreso kredeble neniam efektiviĝos. Li memorigas sian konsilon esprimitan en la « Aldono al la Dua Libro », ke en tiu okazo la amikoj de la afero faru mem kongreson aŭ akademion ne pli frue ol en la jaro 1893, ke ĝis tiam ĉiuj laboru kaj pensu ne pri reformado de la lingvo « sed nur pri ĝia fortigado kaj vastigado ». Tamen ĉar D-ro Zamenhof ne volas sur sin solan preni la tutan respondecon por la afero, li proponas, ke oni kreu tutmondan Ligon, kiu havu la plenan decidrajton pri nia afero. Li petas, ke amikoj ellaboru kaj sendu al li projektojn pri tia Ligo.

En la sekvantaj numeroj *V. de Majnov* kaj *E. de Wahl* el St-Petersburgo ambaŭ batalas kontraŭ la ideo de ligo, skribante, ke ne akademio sed la verkistoj faras la lingvon, ĉar la leĝoj de akademio ne ricevas obeon, dum nerimarkeble kaj tute nature transformiĝas ĉiuj vivantaj lingvoj iom post iom en sia ĉiutaga literaturo. Ankaŭ *Einstein, Grabowski, Geoghegan skribis samsence al D-ro Zamenhof*. Tamen ĉar li ricevis multajn projektojn, D-ro Zamenhof el ilia atenta studado elverkis regularon por la proponita Ligo kun klariga antaŭparolo, en kiu li rimarkigas ke, se la Ligo opinias plej bona lasi la lingvon evoluadi laŭ natura vojo, ĝi komprenebles povos tion decidi. Tiun antaŭparolon kaj la projekton de la Doktoro publikigis la Nürnberga Redakcio de la « Esperantisto » en la No 6a 1890 kvazaŭ sub lia nomo sed kun sufiĉe gravaj ŝanĝoj, kiuj donis al la projekto la jenan formon :

Konsistas la Ligo el ĉiuj lokaj kluboj enhavantaj pli ol 20 personojn. Ĉiujare ili elektos Akademion de 10 personoj. Sed la unua elekto okazos nur kiam la nombro de aliĝintaj kluboj atingos 25; ĝis tiam administros provizora komitato de tri personoj S-roj *Hugo Barbeck, Chr. Schmidt* kaj *Joseph Gagel* en Nürnberg. Cirkuleron dissendis la Nürnberga Klubo pri la fondo de la Ligo.

Ŝajnas, ke, de tiu fondo, malagrablaj disputoj kaj malkompreniĝoj amasiĝis. Do en la Decembra No de 1890 D-ro Zamenhof konstatas, ke la Ligo nur tre malutilis al la afero kaj ke ĝi devas nur esti « infano malvive naskita ». Kun la morto de la ligo li konstatas, ke « la lingvo mem restas tute sendependa de iu persono aŭ institucio; ĝi estas komuna apartenaĵo de ĉiuj Esperantistoj kaj progresas laŭ vojo natura kiel ĉiuj aliaj lingvoj ».

Pri la Ligo oni ne plu reparolis ĝis 1893. Sed pri ŝanĝoj en la lingvo oni senĉese daŭris diskuti. Laŭ enketo de D-ro Zamenhof ŝajnas, ke pri plej multaj proponoj tute disopiniis aŭ malkonsentis la Esperantistoj. Nur tre malmultaj reformoj ricevis komunan aprobon de sufiĉa nombro da adeptoj. D-ro Zamenhof ne sentis al si la povon mem enkonduki eĉ tiujn ŝanĝojn kaj denove deziris la kreon de iu alia centra aŭtoritato por decidi pri tio.

En januaro 1893 li proponas, en la « Esperantisto », ke oni kreu tiun aŭtoritaton jenmaniere : La *Ligo* de la Esperantistoj konsistu simple el ĉiuj efektivaj Esperantistoj, t. e., abonantoj de nia centra oficiala gazeto ». Al la sekretario de la Ligo (redaktoro de « Esperantisto ») oni de tiam sendu ĉiujn proponojn ; kaj la abonantoj voĉdonos pri ili.

Samtempe alvenis post tiu artikolo novaj proponoj pri ŝanĝoj de *Krikortz, Serbin, Koĉergen, Janowski, Goldberg, Grabowski* kaj novaj protestoj kontraŭ lingvaj disputoj. *N. Borovko* konsilas, ke oni uzu Esperanton kaj donu al ĝi animon anstataŭ disktutadi infane pri *kaj* aŭ *e. L. de Beaufront* skribas en « La Esperantisto » de aprilo 1893, ke kriplgo kaj konstanta ŝanĝado nur tre malhelpus ĉiun propagandon.

Por meti ordon en la afero Zamenhof komencis en januaro 1894 publikigi en « la Esperantisto » plenan sisteman analizon de la tuta lingvo kaj laŭ la proponitaj ŝanĝoj prezentas tute novan sur ili bazitan gramatikon kun ankaŭ reformita vortaro.

Laŭ la nova projekto la preĝo « Nia Patro » fariĝis jena : « Patro nue, kvu esten in cielo, sankte estan tue nomo, venan regito tue, estan volo tue, kom in cielo sik anku sur tero. Pano nue omnedie donan al nu hodiu e pardonan al nu debi nue, kom nu anku pardonen al nue debenti ; ne kondukan nu in tento sed liberigan nu de malbono. »

1) *Boleslav Prus*, fama moderna pola verkisto. Aŭtoro de « Faraono » mortis en 1912.

2) *Henri Sienkiewicz*, fama moderna pola verkisto, aŭtoro de « Quo Vadis ».

3) ? (E. P.)

D-ro Zamenhof petis ke fine kaj solene la Liganoj voĉdonu antaŭ la 1ª de aŭgusto 1894 pri la jenaj kvar demandoj :

I) Ĉu ni devas restigi senŝanĝe la malnovan formon de nia lingvo ?

II) Ĉu ni devas akcepti la novan formon, kiun mi prezentis al la Liganoj en ĝia tuta pleneco ?

III) Ĉu ni devas fari aliajn reformojn en la lingvo ?

IV) Ĉu ni devas akcepti en principo nian projekton de reformoj sed nur fari kelkajn ŝanĝojn en ĝiaj apartaj detaloj ?

Ĉar la nombro de respondoj ne atingis 1/3 de la plena nombro de Liganoj, dua decida voĉdonado devis, laŭ la regularo, okazi tri monatojn poste. Jen la rezultatoj de ambaŭ :

*Voĉdonoj en 1894*

| | | | Aŭgusto | Novembro |
|---|---|---|---|---|
| Respondis *jes* al demando | | I | 144 | 157 |
| — | — | II | 12 | 11 |
| — | — | III | 2 | 3 |
| — | — | IV | 95 | 93 |

Sekve la plimulto, 157 voĉoj, estis tute kontraŭ ĉiuj reformoj, kaj Zamenhof devis anonci en « la Esperantisto », ke oni do daŭrigos uzi la lingvon en ĝia ĝisnuna formo, ĉar « la plejmulto trovis, ke pro diversaj kaŭzoj en la nuna tempo nenio en la lingvo devas esti ŝanĝita ».

Inter tiuj, kiuj voĉdonis kontraŭ la reformoj troviĝas : *Blumental, de Beaufront, Borovko, Devjatnin, Geoghegan, Kofman, Lemaire, Lojko, Nylen, Ostrovski, Silbernik* kaj *Grabowski*. Tiu ĉi lasta pola Esperantisto, kiu riĉigis la lingvon per belaj tradukoj kaj verkoj, multe priparoladis kaj propagandis por reformoj. Tamen li fine voĉdonis kontraŭ ĉiuj ŝanĝoj en 1894. En 1896 en la « Linguist » li proponas ankoraŭ novan sistemon bazitan sur la franca lingvo (nova idei entre i esperantisti). Tiun sistemon kritikas Kofman en « Lingvo Internacia » de Aprilo 1896. Pli malfrue Grabowski forlasis definitive ĉiujn siajn ideojn pri reformado kaj faras ĉe la Bulonja kongreso en 1905 memorindan paroladon por esprimi sian kredon je la nun vivanta kaj netuŝebla lingvo.

Post la voĉdonado de Novembro 1894 la esperantistoj liberigitaj de timo kaj interna diskutado povis sin turni al pli fruktodona laborado : propagando kaj verkado ; kaj novan freŝecon akiris la tuta movado por iri antaŭen pli rapide.

## « Lingvo Internacia » en Upsala

De grava danĝero savis Esperanton la voĉdono kontraŭ la reformoj. Sed aliaj malfacilaĵoj prepariĝis. La malavara — sed neriĉa — Trompeter, kiu promesis subteni la gazeton ĝis 1894, ne povis pli longe helpi la « Esperantiston ».

Post Decembro 1894 la gazeto tute transiras al D-ro Zamenhof kiu mem troviĝas denove en tre malfacila situacio.

Dum la jaro 1894 kunlaboris por literatura parto de la « Esperantisto » la fama popola rusa eldonejo *Posrednik*, kiu interesiĝis pri la movado kaj ricevis, de grafo *Lev., Tolstoj* tiun faman leteron, finiĝantan per jenaj vortoj : « ...la oferoj, kiujn faros ĉiu homo de nia eŭropa mondo, dediĉante iom da tempo por lerni Esperanton, estas tiel malgrandaj, kaj la rezultatoj, kiuj povas elsekvi, se ĉiuj, almenaŭ Eŭropanoj kaj Amerikanoj, ĉiuj Kristanoj — ellernos tiun ĉi lingvon, estas tiel grandegaj, ke oni ne povas ne fari tiun ĉi provon. Mi ĉiam opiniis, ke ekzistas neniu pli kristana scienco ol scio de fremdaj lingvoj, kiu ebligas komunikadon kaj ligiĝon kun plej granda nombro da homoj.

Multajn fojojn mi konstatis, kiel homoj sin tenadis malamike unu kontraŭ la alia nur danke al la meĥanika malhelpo por reciproka komprenado, kaj tial la lernado de Esperanto kaj ĝia disvastigado estas sendube kristana afero, kiu helpas al starigo de la Regno de Dio, kio estas la ĉefa kaj sola celo de homa vivo » (27 aprilo 1894, Iasnaja Poljana-Rusujo).

En tiu literatura parto de la « Esperantisto aperis (en 2-a, N-o de 1895) traduko de verketo de Tolstoj « Prudento kaj kredo ». Pro tio la rusa cenzuro malpermesis la eniradon de la « Esperantisto » en Rusujon. kie la gazeto havis la plej grandan parton de siaj abonantoj. Zamenhof volis provi alian formon de gazeto, kiun oni povus ensendi Rusujon en fermitaj kovertoj, sed cirkonstancoj malebligis la aferon, kaj la 5-6-a Numero de la « Esperantisto » (Majo-Junio 1895) estis la lasta de tiu organo, kiu dum ses jaroj estis la centro de la tuta movado.

Dum sekvantaj monatoj okazis komprenebla senkuraĝiĝo inter la Esperantistoj kaj eĉ ĉe ilia Majstro, kiu tiel oferdonis pro Esperanto sian profesian sukceson, ke tiam li devis penadi kaj provadi en unu post alia loko por krei al si necesan kuracistan klientaron.

Baldaŭ en sveda urbo Upsala, fervora klubo Esperantista relevis la falintan standardon, kaj *S-roj Nylen, Langlet, D-ro Krikortz* kaj *Ahlberg*, kun financa helpo de *V. Gernet*, tiam loĝanta en Odessa, ekeldonis novan gazeton « Lingvo Internacia ». Jam en decembro 1895 aperis la unua numero kun posttitolo « monata organo por la lingvo Esperanto, eldonata de la klubo Esperantista en Upsala (1) ».

La redaktoroj de « Lingvo Internacia » esprimis sian intencon prilabori detalan Esperantan sintakson, sciencajn vortarojn, k. t. p. Jam ili konsideris Esperanton kiel vivantan lingvon kaj donis al la movado tre bonan instigon por pliriĉigado kaj studado de la jam ekzistanta materialo.

La vivantecon de Esperanto kiel parolata lingvo plej bone spertis *S-ro Langlet*, el Upsala, kiu dum somero 1895 vojaĝis kun *S-ro Etzel* tra Rusujo, Turkujo, Rumanujo, Aŭstrio-Hungarujo kaj Germanujo kaj havis multajn okazojn interparoladi kun diverslandaj samideanoj.

En 1896 *S-ro Avilov* veturis Parizon, kaj aliaj similaj renkontoj de malsamnaciaj Esperantistoj havis tre gravan rolon en tiu epoko de l'movado. Faktan pruvon ili donis pri la taŭgeco de l'parolata lingvo kaj tiel tre kuraĝigis la tutan adeptaron.

Pruvon de l'vivanteco de Esperanto en ĝia literaturo donis D-ro Zamenhof publikiginte en Aŭgusto 1893 sian gravan verkon *Universala Vortaro*, kiu entenis (kun traduko en franca, angla, germana, rusa kaj pola lingvoj) krom 900 radikoj de l'Unua Libro 1.700 novajn radikojn trovitajn en la ĝis tiam aperintaj verkoj, artikoloj kaj tradukoj en Esperanto.

De 1892 ĝis 1895 novaj kluboj estis fonditaj ; en Svedujo : *Goteborg* ; en Germanujo : *Erlangen, Schweinfurt* ; en Rusujo kaj Polujo : *Vilno, Varsovio, Odessa Wladimir* ; en Finlando : *Helsingfors* ; en Francujo : *Reims*.

En tiu epoko aperis klasika ĉefverka traduko de D-ro Zamenhof : *Hamlet* de Shakespeare. *A. Grabowski* eldonis kolekton da versaĵoj de diversaj Esperantaj poetoj : *La Liro de Esperantistoj*. La poeto *Devjatnin* aperigis siajn verkojn *Demono* kaj *Boris Godunov* ; kaj tiel en la lingvo kreiĝis poezia tradicio, jam komencita per unuaj poemoj de D-ro Zamenhof kaj versaĵoj de *Seleznet, Zeidlitz, Kofman, Dombrowski, Goldberg, Janowski, Nauman, Solovjev* kaj aliaj en la « Esperantisto ».

Literaturan konkurson organizis en 1896 « Lingvo Internacia » kaj estis inter aliaj kronata Josef Wasniewski, konata pola poeto kaj fervora apostolo de Esperanto, kiu

(1) Kiel estos dirate pli poste, la « Lingvo Internacia » estis presita post 1898 en Lulea, Svedujo, poste ĝi transiris al S-ro de Lengyel en Szegzard, Hungarujo, kaj al S-ro Fruictier en Parizo. Fine ĝin eldonis la Presa Esperantista Societo en Parizo kaj redaktis Prof. Cart, kun helpo de D-ro Corret. Hodiaŭ estas propraĵo de « Societo de l'Amikoj de Lingvo Internacia », sub prezido de Prof., Cart en Parizo.

mortis la 17 de februaro 1897. Al lia memoro poemon verkis *V. Langlet* (Vidu Krestomation, paĝon 378).

Dum tiu sama periodo kreiĝis ankaŭ Esperantistaj tradicioj. En 1893, L. de Beaufront proponas, ke Esperantaj libroj havu verdan kovrilon kun stelo. En fino de 1894 estis rekomendata kiel sursigno por Esperantistoj kvinpinta stelo.

Jam estis komune akceptitaj en la Esperantistaj rondoj la verda koloro kaj la stelo kiel simboloj de la movado. Moskva juvelisto fabrikis pinglojn kun stelo sed, laŭ la « Esperantisto » (N-o 1, 1895) estis malpermesate porti tiajn sursignojn en Rusujo.

Grava aprobo venis al Esperanto el Oxford, kie instruis fama lingvisto *Max Müller*. Li interesiĝis pri la lingvo kaj skribis, ke ĝi havas la plej altan lokon inter siaj konkurantoj.

En Francujo propagandon inter katolikoj ekfaris de Beaufront eldonante en Esperanto *preĝareton*, kun aprobo de la ĉefepiskopo de Reims, kardinalo Legagneux. En aŭtuno 1895 aliĝas al la lingvo *E. Lombard*, redaktoro de la revuo « L'Etranger » en Parizo kaj enpresas en sia gazeto Esperantajn artikolojn de diverslandaj samideanoj. En Januaro 1896 aperas en pariza ĉiutaga gazeto « L'Eclair » unua granda artikolo pri Esperanto.

Kun la « Lingvo Internacia » kaj la bonaj novajoj, kiujn ĝi alportis, nova kuraĝo revenis al la Esperantistoj kaj D-ro Zamenhof en Juni-Julia N-o aperigis sian faman poemon « La Vojo » aludante je ĵus venkitaj malfacilaĵoj :

« ...Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras ».

## Franca Societo. de Beaufront.
### « l'Esperantiste »

Sur la unua adresaro de la Esperantistoj, eldonata de D-ro Zamenhof en 1888, troviĝas jam la nomo de *Louis de Beaufront* (1), tiam privata instruisto ĉe familio de franca grafo. Same kiel Grabowski, Henderson, Bauer, Zakrzewski, li estis aŭtoro de internacilingva sistemo (2) kaj ĝin forlasis por aliĝi al Esperanto. En 1892 li eldonis francan Esperanto-lernolibron kaj en 1895 francan propagandan broŝuron. Tre ageme li propagandis en Francujo kaj tre energie li kontraŭbatalis per leteroj al Liganoj la reformajn proponojn en 1893. Redaktoron de « l'Etranger » S-ron *Lombard* li interesis kaj multajn artikolojn sendis mem al francaj gazetoj. En 1896 esperantiĝis franca eks-kapitano de artilerio *Gaston Moch*, redaktoro ĉe « Indépendance Belge » en Bruselo kaj konata pacifisto. Li eldonis verkon francan : « La Demando pri internacia lingvo kaj ĝia solvo per Esperanto » kaj komencis propagandon inter pacifistoj per parolado ĉe la Universala Packongreso en Hamburg en 1897. Saman jaron en franca urbo Louhans, gimnaziano *Gabriel Chavet* (3) fondis kun kelkaj amikoj esperantistan klubon, kiu dum unu jaro fariĝis tre agema propaganda centro.

Jam de 1892 L. de Beaufront estis helpata de juna kunlaboranto *René Lemaire* kaj tute sola kun tiu studento, laboris dum multaj jaroj. En 1898 ili fondis la gazeton « L'Espérantiste » kaj la « Societon por la propagando de Esperanto (1) ». Direktoro de la gazeto kaj prezidanto de la Societo (S. p. p. E.) estis de Beaufront. Sekretario de ambaŭ estis René Lemaire. Vic-prezidanto de S. p. p. E. estis *H. Hamel*, ĉefredaktoro de la « Revue des Beaux-Arts et des Lettres » en Parizo. En la honora komitato troviĝis krom S-roj Zamenhof, Lombard kaj Moch, la grafo Chandon de Briailles, kies infanojn instruadis de Beaufront, kaj leŭtenanto *Charles Lemaire*, oficiro de belga Kongo-ŝtato, kiu faris paroladojn pri Esperanto en Brusela Poliglota Rondo kaj publikigis longan serion de artikoloj en belga ĵurnalo « Petit-Bleu ». Tiu gazeto poste enpresis regulan ĉiusemajnan rubrikon en Esperanto.

La entrepreno de L. de Beaufront estis tre lerta paŝo por la tuta movado. « La Esperantisto » kaj poste « Lingvo Internacia » redaktataj tute en Esperanto tenadis kune la adeptojn kaj kreskigis la komunan spiriton de la Esperantista popolo, sed ili restis esence internaj gazetoj, en kiuj diskutadis samfamilianoj, kaj tute ne atingis la eksteran publikon. Tute freŝan aeron kaj novan metodon alportis « L'Espérantiste ». Zorge redaktita gazeto kun paralelaj franca kaj Esperanta tekstoj en du kolonoj, ĝi plaĉis samtempe al pubiko kaj Esperantistaro, ĝi helpis studadon de la lingvo per sia konstanta tradukado kaj, ĝi profitis la ioman internaciecon kaj la allogon de la franca lingvo ĉe multlandaj instruitoj por lerte propagandi eĉ ekster Francujo la novan neŭtralan internacian lingvon. Vere tre lerta redaktoro estis de Beaufront. En sia unue maldika — sed baldaŭ ĉiam progresanta — monata gazeto, li sciis kun granda mem certa aŭtoritato klarigi pri Esperanto, rebati argumentojn de kontraŭuloj, konsiladi pri propagando, instruadi pri gramatiko. Estis en lia stilo kaj maniero io tre persona kaj iom sensacia, kiu al lia gazeto tuj donis tute propran karakteron. El malgranda urbeto franca *Epernay* L. de Beaufront sukcesis per sia ĵurnalo krei kaj direkti viglan propagandan movadon en Francujo kaj eĉ en la tuta mondo. Aliĝis al lia Societo francaj Esperantistoj kaj ankaŭ multaj fremdaj samideanoj. Li kreis tuj kategorion de *aprobantoj* kaj tiel akiris el Francujo aliĝojn de tiuj personoj, kiuj ne volus peni por lerni la lingvon, sed volonte donis kelkajn frankojn por esti informataj pri la progresoj de laŭ ili utila ideo. Li sendis la gazeton al diverslandaj famuloj kaj komencis la detalajn korespondadojn kun fremdaj scienculoj. Tiamaniere li povis detale informadi pri la Esperanta afero homojn, kiel ekzemple la maĝjaran lingviston *Balint Gabor*, profesoron ĉe Kološvar'a Universitato, kiu iniciatis kun redaktoro *Barrabas* la unuan movadon en Hungarujo (1898). Same li lerte informadis svisan filozofon *Ernest Naville*, en Genève, fremdan membron de l' « Institut de France », kiu en januaro 1899 prezentis al Franca Akademio de moralaj kaj politikaj sciencoj gravan raporton pri Esperanto sub titolo « la Internacia Lingvo. Tia raporto estis en tiu epoko plej grava okazo por Esperanto. Ĝi konigis la aferon en francaj scienculaj rondoj kaj kaŭzis en Parizo kaj ĉefe en Ĝenevo kaj aliaj svisaj urboj grandan nombron de longaj artikoloj en revuoj kaj ĉiutagaj gazetoj.

En Francujo du famaj literaturistoj *Sarcey* kaj *Theuriet* kaŭzis tre utilajn polemikojn en la gazetaro skribinte kontraŭ la lingvo mokajn artikolojn, al kiuj respondis la Esperantistoj.

Publikaj kursoj pri Esperanto malfermiĝis kun granda sukceso en urboj de Suda Francujo, Belgujo, Rusujo kaj eĉ de Brazilujo.

S-roj *Roux* en Grenoble, *Bel* en Montpellier, *Canet* en Limoges, *Blanjean* en Bruselo multigis kursojn kaj paroladojn.

---

(1) En 1905 respondante al personaj atakoj L. de Beaufront subskribis artikolon « Markizo Louis de Beaufront » kaj de tiam uzis tiun nobelan titolon, kiun li antaŭe kaŝis pro sia neriĉa situacio.

(2) La nomo de lia sistemo estis « Adjuvanto ». L. de Beaufront neniam volis publikigi sian sistemon. Teksto « adjuvanta » de « Nia Patro » aperis en 1903 en la franca verko de Couturat kaj Leau : « Historio de Tutmonda Lingvo ». Laŭ tiu teksto « Adjuvanto » ŝajnas tre simila al Esperanto kaj preskaŭ tute sama kiel « Ido ».

(3) De 1906 sekretario de « Centra Oficejo » en Parizo.

(1) Post ses jaroj la S. p. p. E. fariĝis S. f. p. E. (Societo *franca* por la propagando de E.)

Ekfondiĝis grupoj, kaj ekhelpis la aferon komercaj societoj aŭ stenografiaj kluboj.

La agema franca propaganda epoko komenciĝis. Ke unu sama homo L. de Beaufront direktis la Societon, redaktis la gazeton, verkis la lernolibrojn kaj preskaŭ monopolis kompetentecon kaj aŭtoritaton, tio estis en la komenco sufiĉe utila, ĉar pro lia energio kaj lerteco ĝi nur multe simpligis kaj rapidigis la laboron. La danĝeroj de la sistemo nur pli malfrue montriĝis. Ĉiuokaze restas nedisputebla fakto, ke de Beaufront per sia agado kaj ekzemplo preparis kaj iniciatis en la Esperantista vivado eĉ ekster Francujo tiun novan periodon ĉefe propagandan, kiu malfermiĝis en 1900. La negativajn flankojn de la de Beaufront'a influo sur la lingvo kaj sur la movado analizos venonta ĉapitro en tiu ĉi libro.

EDMOND PRIVAT.

# El la Biografio de D^ro^ L.-L. Zamenhof

Flanke de la historio de Esperanto mem, grava estas ankaŭ la historio de ĝia kreinto. Tial ni pensas, ke interesos nian legantaron la legado de la ĉi-subaj notoj, verkitaj de la frato mem de nia majstro, D-ro Leono Zamenhof. (Tiu artikolo estas elĉerpita el *Universo* nº 6ª, 1910.)

Lazaro Ludoviko Zamenhof naskiĝis la 15-an (laŭ la rusa kalendaro la 3an) de Decembro 1859 en la urbo Bialystok (gubernio de Grodno). Liaj gepatroj estis Marko kaj Rozalio (naskita Sofer). Lia patro havis lernejon kaj krom tio donadis privatajn lecionojn de germana kaj franca lingvoj. De sia plej frua juneco Ludoviko Zamenhof ĉiam estis tre revema, pensema kaj impresebla, kaj oni konis lin kiel infanon eksterordinare kaj ĉiuflanke kapablan. Li komencis lerni tre frue : havante la aĝon de kvar jaroj, li jam bone legis kaj skribis.

Lia sano estis tre delikata, kaj en sia infaneco li ofte estis malfacile malsana. En Aŭgusto 1869 li komencis la studadon en la Bialystoka Reala Lernejo ; sed ĉar li tiam ne havis ankoraŭ la aĝon de plenaj 10 jaroj (kion la leĝo tiam postulis), tial oni ne kalkulis al li tiun jaron, kaj efektiva lernanto de la unua klaso de la lernejo li povis fariĝi nur en 1870. En Decembro de 1873 liaj gepatroj transloĝiĝis Varsovion, kie lia patro akceptis la oficon de inspektoro de privata lernejo kaj baldaŭ poste ricevis la oficon de profesoro de la regna Varsovia Reala Lernejo. Laŭ la konsilo de konatoj la patro de Ludoviko decidis, ke li lernu la lingvojn latinan kaj grekan kaj daŭrigu sian studadon en gimnazio filologia. En Aŭgusto 1874 li efektive ekzameniĝis en la Varsovia 2-a gimnazio kaj estis akceptita tien kiel lernanto de la 4a klaso.

Dum la tuta gimnazia tempo, kiel en Bialystok, tiel ankaŭ en Varsovio, Zamenhof estis ĉiam la unua en sia klaso. Li ĉiam estis sincere amata de ĉiuj siaj kolegoj. En ĉiuj demandoj lia opinio estis ĉiam rigardata kiel la plej aŭtoritata.

En la gimnaziaj jaroj lin varmege interesis diversaj sociaj demandoj. De la plej fruaj jaroj li revis pri la solvo de diversaj sociaj problemoj. Sed plej multe interesis lin la problemo de intergentaj rilatoj, kiu instigis lin al kreado de neŭtrala intergenta lingvo. En la komenco de la vintro de 1878 la primitiva formo de tiu lingvo estis preta, kaj Zamenhof kun siaj gimnaziaj kolegoj (en sia ĉambreto ĉe la strato Nowolipie Nr. 28) aranĝis feston, kiun ili nomis « Tago de vivigo de la universala lingvo ».

Sed pro diversaj kaŭzoj la kolegoj de Zamenhof baldaŭ tute malvarmiĝis por la afero. Ili venis al la konvinko, ke, malgraŭ ke tion faras la ĝis nun ĉiam aŭtoritata « Zamenhof mem », la kreado de lingvo estas infanaĵo, kiu por ili, kiel nun jam « maturaj homoj », ne konvenas. Al tio aliĝis ankoraŭ la cirkonstanco, ke la patro de Zamenhof rakontis pri la laboroj de sia filo al la direktoro de unu el la Varsoviaj gimnazioj, kaj tiu diris al la patro, ke lia filo estas por ĉiam perdita, ke lia laborado estas plej senduba simptomo de komenciĝanta nesanigebla frenezo. Zamenhof devis promesi al sia patro, ke li almenaŭ ne elpaŝos publike kun sia laboro, antaŭ ol li finos la studadon en la universitato kaj fariĝos kuracisto. Ĉio ĉi tio kaŭzis, ke Zamenhof decidis ne paroli plu kun iu pri sia ideo kaj labori tute izolite.

En Junio 1879 Zamenhof finis la kurson gimnazian, kaj en Aŭgusto li forveturis en la urbon Moskvo, por studi medicinon en la tiea universitato. Por ne esti ŝarĝo por siaj gepatroj, kies financa stato neniam estis sufiĉe bona, Zamenhof serĉis en Moskvo ian okupon, sed bedaŭrinde nenion povis trovi. Tial post du jaroj li forlasis Moskvon kaj revenis Varsovion, kie li daŭrigis sian studadon en la universitato. En Januaro 1885 li finis la universitatan kurson kaj ricevis diplomon de kuracisto. Tiam, por komenci laborenspezi por sia vivo, li forveturis en tre malgrandan urbeton Wejseje (Suvalka gubernio), kie loĝis lia fratino Fanny Pikower kaj kie li komencis sian medicinan praktikadon. Sed, havante tro impreseblan karakteron, li tro multe suferis morale en sia rolo de « kuracisto por ĉio » ; ĉiufoje, kiam li al iu el siaj pacientoj ne povis helpi, aŭ des pli kiam iu el liaj pacientoj mortis, li faris al si akrajn riproĉojn, ke tio estas la kulpo de lia nebona kuracado ; tial post kvarmonata praktikado en la urbeto li decidis elekti por si ian specialecon. Li revenis Varsovion kaj komencis tie perfektiĝi en kuracado de okuloj. Dum duono da jaro li laboris en la okulista apartaĵo de la Varsovia hebrea malsanulejo sub la gvidado de D-ro Kramsztyk. En la fino de 1885 li forveturis en la urbon Plock (kie tiam estis neniu okulisto), por provi tie kuracadon kiel okulisto kaj konvinkiĝi praktike, ĉu li sentas sin jam sufiĉe forta en la okulista scienco. Restinte tie dum 5 monatoj kaj konvinkiĝinte, ke multe ankoraŭ mankas al li, li en Majo 1886 forveturis Vienon kaj dum kelke da monatoj fervore studis tie en la specialaj kursoj por okulistoj. En aŭtuno de 1886 li komencis okulistan praktikadon en Varsovio, en la loĝejo de siaj gepatroj (strato Muranowska Nr. 40).

De 1878 ĝis 1885 Zamenhof multe kaj fervore laboris super sia lingvo. En 1885 li decidis eldoni sian unuan lernolibron kaj komencis serĉi eldononton. Sed dum du jaroj li tute vane serĉis ; malgraŭ, ke la libreto estis tre malgranda, neniu volis ĝin eldoni. Fine en 1887 li sukcesis ricevi prunte kelkan sumon da mono kaj eldoni mem sian unuan libron.

La 9an de Aŭgusto 1887 Zamenhof edziĝis kun fraŭlino Klaro Silbernik (el Kovno) kaj aranĝis sian loĝejon en Varsovio ĉe la strato Przejazd Nr. 9. Lia edzino havis kelkan negrandan kapitalon, kaj la junaj geedzoj havis la plej bonajn esperojn. Sed, malgraŭ la plej modesta maniero de vivado, la kapitaleto baldaŭ disfandiĝis. Grandan parton de ĝi englutis la eldonado de la unuaj libroj, la anoncado en gazetoj, la dissendado de grandega nombro da senpagaj ekzempleroj al ĉiuj gazetoj de la mondo, al diversaj societoj, lernejoj k. t. p. ; la ceteran parton englutis la modesta vivado de la geedzoj, ĉar la nombro de la pacientoj de

Zamenhof estis terure malgranda. En Junio 1888 naskiĝis la unua filo de Zamenhof, Adamo. En la mezo de 1889 el la tuta kapitaleto de la geedzoj ne restis plu eĉ unu kopeko. La bopatro de Zamenhof donis al li kelkan helpon, sed tio, kompreneble, sufiĉis nur por tre mallonga tempo. Tiam en aŭtuno de 1889 Zamenhof vole ne-vole devis decidi forlasi Varsovion kaj serĉi sian panon en ia alia urbo, kie ne loĝas aliaj okulistoj kaj kie li sekve povus pli esperi laborenspezojn per sia profesio.

La forlaso de Varsovio estis por ambaŭ geedzoj ekstreme dolora kaj ĉiuj eĉ plej malgrandaj detaloj el tiu malgaja tempo ĝis nun vive restis en ilia memoro. Kvankam ambaŭ geedzoj ne estis naskitaj en Varsovio kaj kvankam ili tre malmulte ĝuis iam la urban vivon, tamen ili tiel varmege amis tiun urbon, ke la devigita forlaso de ĝi estis por ili kvazaŭ plej terura porĉiama ekzilo el la patrujo. Kun treege premita koro la edzino kun la infano forveturis en la urbon Kovno al sia patro kaj la edzo elveturis, por serĉi panon. La unua urbo, en kiu li haltis, estis Brest-Litovsk; sed tie oni klarigis al li, ke la urbo estas tro malriĉa, por ke specialisto-okulisto povu tie havi eĉ plej modestan panon por sia familio. Tiam li venis en sian urbon de naskiĝo (Bialystok), ĉar kvankam tie loĝis jam okulisto, Zamenhof esperis tamen, ke la gepatra urbo alportos al li pli da feliĉo. Sed tie oni diris al li, ke la esperoj estas tre malgrandaj, ĉar « Bialystok ne havas konfidon al kuracisto, kiu ne fordonas sin tute al sia profesio kaj okupas sin per aferoj flankaj ». Post kelkaj tagoj da restado en Bialystok Zamenhof aŭdis, ke la granda urbo Ĥerson (en la suda Rusujo) ne havas okuliston. Li telegrafis al unu Ĥersona konato, kaj ricevinte la respondon, ke tiel efektive estas, li entreprenis la malproksiman vojaĝon al Ĥerson. Li veturis tien kun la plej bonaj kaj viglaj esperoj. Sed, veninte tien, li sciiĝis, ke la informo, kiun li ricevis, estis malĝusta, ke en Ĥerson loĝas jam delonge okulisto kaj ellabori al si tie medicinan praktikon estos afero tre malfacila. Li tamen decidis jam resti tie kaj pacience provi ellabori al si panon.

La vivo en Ĥerson estis por Zamenhof tre malfacila. Malgraŭ, ke li prenis por si tre malgrandan loĝejon (strato Hannibalovska, domo de Tarle) kun tre malriĉa meblaro, kaj servanton li havis nur por kelkaj horoj ĉiutage, la tre malgranda sumo da mono, kiun li kunportis kun si, apenaŭ sufiĉis por unu monato. Ne dezirante akcepti por sia propra persono helpon de sia bopatro (al kiu, kiel ankaŭ al sia edzino, li nenion skribis pri la malfacileco de sia situacio), kaj dezirante elteni kiel eble plej longe, il aranĝis sian vivon tiamaniere, ke liaj elspezoj estu kiel eble plej malgrandaj, ekzemple li hejtis la fornon tre malmulte, tagmanĝis en plej malkara restoracio kaj ne ĉiutage, k. t. p. Malgraŭ la admonado de kelkaj Ĥersonaj konatoj, kiuj ripetadis al li, ke tiel longe, kiel li ne forĵetos sian fantaziaĵon kaj ne fariĝos kuracisto serioza, li neniam havos panon; malgraŭ la akraj riproĉoj, kiujn li ofte mem faradis al si, memorante pri sia edzino kaj infanoj, lia tempo kaj kapo restis okupitaj nur de Esperanto, kaj li ne perdis la esperon, ke ĉio estos bona. Al sia edzino, kiu dume naskis la duan infanon, Sofion, li skribadis plej konsolajn kaj esperigajn leterojn. Tamen post kvin monatoj da tre malfacila vivo li fine konvinkiĝis, ke li plu ne povos elteni. Kaj kiam lia bopatro, diveninte iamaniere la malfacilecon de lia situacio, insistis, ke li akceptu denove lian subtenon kaj reveturu Varsovion, li tion faris, kaj en Majo 1890 li revenis Varsovion, supozante, ke liaj malmultaj pacientoj eble ne forgesis lin, ke eble ankaŭ Esperanto donos al li kelkajn enspezojn, kaj ĉio kune, ligite kun la subtenado, promesita de la bopatro, eble donos al li la povon iamaniere elteni, ĝis lia situacio pliboniĝos.

Reveninte Varsovion, li rekomencis sian medicinan praktikadon ne malproksime de sia antaŭa loĝejo, en la domo Nr. 21 de la strato Nowolipki; esperante havi kelkan helpan profiton, li prenis sur sin la eldonadon de la tiama gazeto « Esperantisto » kiun la ĝistiama eldonanto ne deziris daŭrigi. Sed la gazeto donis nur malprofiton, kiun kovri li ne povis; tial, sensukcese provinte aranĝi malgrandan akcian societon, Zamenhof estis devigita anonci, ke li plu ne povas eldoni la gazeton. Tiam kun sia helpo aperis Trompeter, kiu ne sole prenis sur sin la eldonadon de la gazeto, sed ankaŭ destinis por Zamenhof pagon de 50 rubloj ĉiumonate por la redaktado.

Tamen la nombro de la pacientoj de Zamenhof ĉiam estis ankoraŭ terure malgranda, kaj Zamenhof venis al la konvinko, ke en granda urbo li neniam povos sin teni. Tre malgaje la geedzoj decidis denove forlasi Varsovion kaj serĉi feliĉon en urbo negranda. Ĉar oni diris al li, ke la urbo Grodno estas sufiĉe granda, por doni panon al unu okulisto, kaj ĉar lin tre allogis la ideo vivi denove en la provinco, en kiu li naskiĝis, Zamenhof forveturis tien en oktobro 1893, por provi tie okulistan praktikadon. La komenco estis sufiĉe bona. Tial la 25-an de novembro Zamenhof revenis Varsovion por preni sian familion, kaj la 27-an, en malgaja nebula tago, la geedzoj Zamenhof kun siaj du infanoj forlasis Varsovion, ŝajne jam por ĉiam. En la stacidomo diris al ili adiaŭ nur la patro kaj gefratoj de Zamenhof (la patrino mortis antaŭ unu jaro); el la amikoj aŭ konatoj estis neniu.

Kvar jarojn la familio Zamenhof loĝis en Grodno. La unua tempo estis sufiĉe bona. La enspezoj estis ne grandaj, sed tamen sufiĉis por modesta vivado. Sed baldaŭ en Grodno enloĝiĝis alia okulisto, kaj la vivo fariĝis pli malfacila, ĉar Grodno ne sufiĉis por du okulistoj, kaj por « konkurado pro pano » Zamenhof ne estis kapabla. Zamenhof denove devis akceptadi helpon de sia bopatro. Kvankam la lasta donadis sian helpon tute volonte kaj sen riproĉo, Zamenhof tamen morale multe suferis de tio. La afero Esperanta ankaŭ iris tre malfacile. Pro artikoloj de Tolstoj, presitaj en la gazeto « Esperantisto », la rusa cenzuro malpermesis al ĝi la eniradon en Rusujon, kaj la gazeto, kies plimulto da abonantoj estis tiam Rusujanoj, devis malaperi. La « Biblioteko de Esperanto », kiun Zamenhof tiam eldonadis, ne havis sufiĉe da abonantoj, por kovri la elspezojn. Kun konstante streĉita cerbo Zamenhof serĉadis ian pandonan okupon por si kaj iun personon, kiu volus preni sur sin la daŭrigon de la Esperantaj eldonoj. Sed neniu volis ion aŭdi pri tio. Fine S-ro Gernet el Odeso prenis sur sin la eldonadon de la gazeto (sub ŝanĝita nomo) kaj de la Biblioteko.

Vidante, ke la vivo en Grodno fariĝas por li ĉiam pli kaj pli malfacila, kaj konvinkiĝinte, ke li nenie kaj neniam havos sian panon, se lia kapo estos fordonita ekskluzive al Esperanto, Zamenhof fine decidis fari la lastan provon. La decido estis por li tre turmenta, ĝi minacis pereigi la tutan esencon de lia vivo, sed li sentis tre bone, ke li nepre devas fari tiun provon, ĉar alie restas por li absolute nenia espero. Li decidis tute formeti de si por 2 — 3 jaroj la aferon Esperantan (daŭrigante sole la eldonadon de la « Adresaroj » kaj la plej necesan korespondadon) kaj dediĉi sin tute kaj ekskluzive al sia profesio.. En Aŭgusto 1897 li forveturis Vienon, por iom refreŝigi siajn medicinajn sciojn, kaj en Novembro li kun sia familio denove translokiĝis Varsovion. Li tie luis loĝejon en la plej malriĉa kvartalo de Varsovio (strato Dzika N-o 9, kie li loĝas ankoraŭ nun), kie neniu kuracisto-specialisto iam loĝis ĉar la pacientoj tie pagas tro malmulte, kaj pli bonstataj personoj ne volas tien veni. Li komencis akceptadi la malriĉajn pacientojn, dediĉadi al ili sian tutan atenton por akiri ilian konfidon; li penis per ĉiuj fortoj, ke oni forgesu, ke li estas aŭtoro de ia lingvo, ke oni vidu en li nur kuraciston.

Estas tute kompreneble, ke, malgraŭ ĉia penado, la unua

tempo ne povis ankoraŭ doni ian bonan rezultaton. Sed Zamenhof konsciis, ke por li tio estas la lasta, absolute la lasta provo, ke se li nun ne sukcesos, li havos plu nenian esperon en la vivo. Tial liaj nervoj estis tiam terure ekscititaj, kaj li fariĝis preskaŭ freneza. Ŝajnis al li tiam, ke tio estas la lastaj tagoj de lia vivo. Ĉiuj penoj de lia familio, por konsoli lin, estis vanaj. Ĉiumonate li devis akcepti de sia bopatro kelkan sumon da mono, kaj ĉiufoje tio estis por li infera sufero. Ĉar en Grodno liaj enspezoj estis pli grandaj kaj liaj elspezoj pli malgrandaj, tial li konstante faradis al si akrajn riproĉojn, kial li forlasis Grodnon. Al la suferoj financaj aliĝis ankoraŭ nostalgio, ĉar post kvarjara vivado en la provinco de sia naskiĝo Zamenhof jam ne sentis sin en Varsovio tiel hejme, kiel antaŭe. De tempo al tempo li penadis konvinki sin mem, ke li tute ne faris la « frenezan » transloĝiĝon, ke ĉio estas sonĝo, ke li baldaŭ vekiĝos kaj vidos sin denove en sia Grodna loĝejo ĉe la strato Policejska.

Sed post la paso de unu jaro la cirkonstancoj fine komencis regule pliboniĝi. La nombro de la pacientoj de Zamenhof komencis regule kreski. Fine en la jaro 1903 Zamenhof atingis tiun feliĉan momenton, kiam liaj enspezoj jam tute kovris liajn elspezojn, kiam li kun ĝoja koro povis diri al sia bopatro : « mi plu ne bezonas helpon », kaj kiam li denove kun tute pura konscienco povis komenci energian laboradon por Esperanto. Tio estis eble la plej feliĉa jaro en la vivo de la geedzoj Zamenhof. En la jaro 1905 Zamenhof havis jam la eblon (la unuan fojon post 20 jaroj) fari al si kelksemajnan libertempon kaj entrepreni kun sia edzino vojaĝon al la Bulonja kongreso.

Nun la vivo de Zamenhof estas jam trankvila. Li laboras tre multe, ĉar lian tutan tagon okupas lia profesio kaj la tutan vesperon li laboras por Esperanto. Sed malgraŭ lia granda laborado kaj malgraŭ la malbona stato de lia sano (malforteco de la koro kaj manko de pulso en la piedoj) li estas tute kontenta. Li nur bedaŭras, ke lia tagokto havas ne pli ol dudek kvar horojn kaj la manko de tempo kaj la malbona sano ne permesas al li plenumi ĉion, kion li volus plenumi.

Leono ZAMENHOF.

# JUBILEA RECENZO

Hodiaŭ 2-a, de junio 1912 mi sidas ĉe mia labortablon kaj mia penso reflugas al la pasintaĵo, en la tagon kiam, antaŭ dudek kvin jaroj, D-ro Zamenhof, post longa laborado, eldonante sian faman *Unua Libro'n*, « pasis la Rubikonon ».

Ĉirkaŭ tiu modestŝajna, sed penso- kaj estonto-riĉa libreto, kiun post kelkaj monatoj postiris la *Dua Libro*, grupiĝis iom post iom la unuaj Esperantistoj, allogitaj de la simpleco, bonsoneco kaj natureco de la nova lingvo kaj ankaŭ de la bela sonĝo de homaro kunigota sub la sama lingva standardo.

Mi ne celas en tiu mallonga jubilea artikolo paroli vaste pri la malfacila danĝeroplena periodo, kiu komenciĝis je la eldono de la unuaj verkoj de D-ro Zamenhof kaj finiĝis ĉirkaŭ la 1900-a. Mia temo estas pli malambicia.

Jam de preskaŭ du jaroj mi recenzas en nia Esperantia organo la jus aperintajn pli kaj pli multajn verkojn. Sed ĉu tiuj jusverkajoj ne estas kvazaŭ filoj kaj heredantoj de la pratempaj ? Ĉu tial ne estas mia devo, en tiu jubilea monato, relegi la verkojn de la pioniraj aŭtoroj kaj ilin konsideri kun dankemo, respekto kaj admiro ?

Kiam mi komencis lerni Esperanton antaŭ 10-11 jaroj, ankoraŭ malmultegaj estis la Esperantaj verkoj ; preskaŭ ne ekzistis lernolibroj kaj vortaroj ; malmultegaj estis la gazetoj kaj eldonistoj, kaj senpene oni povis konservi en tirkesto aŭ sur breteto la tutan Esperantan libraron kaj ĵurnalaron. Mi memoras, kiom ĝoje kaj fervore, eklerninte la elementojn de Esperanto, mi tiam tralegis la mallukse presitajn verdajn broŝuretojn : *Kvar tagoj*; *Attalea princeps* el Garŝin, trad., Kazi-Girej, *Princino Mary*, el Lermontov, trad., E. de Wahl, *Boris Godunov*, el Puŝkin, trad., Devjatnin, *Ŝtona Gasto*, el Puŝkin, trad., Borovko, kaj kelkajn aliajn.

Tamen tiuj verkoj ne estas la unuaj, kiujn aperigis, malgraŭ tiom da malhelpoj, la pioniroj de nia movado.

Esceptante, komprenebe, D-ron Zamenhof — S-ron Ant. Grabowski ni rajtas konsideri kiel la iniciatinton de la Esperanta literaturo. Li mem rakontis en « Lingvo Internacia » feb., 1910, kiel li ekkoniĝis kun nia lingvo :

« En somero de l'jaro 1887, veninte el norda Bohemujo, mi vizitis miajn parencojn en Prusujo, kaj kiam en Toruna pola librejo oni montris al mi la jus aperintan unuan lernolibron de D-ro Esperanto, mi aĉetis ĝin, kaj reveninte hejmen tuj komencis ĝin studi ; kaj mi estis ravita de la simpleco, logikeco kaj bonsoneco de la nova lingvo. Post kelkfoja tralego de la tri versaĵoj *Mia penso*, *El Heine* kaj *Ho ! mia kor'* (vid Fund. Krest), mi sciis ilin deklami parkere kaj sentis, ke mi fariĝis fervora ano de la *Lingvo Internacia* (mi ne diras Esperantisto, ĉar tiu vorto ankoraŭ ne ekzistis). Post kelkfoja tralego de la 16 fundamentaj reguloj kaj de la 900 radikoj, kiujn mi konis el aliaj lingvoj, mi sciis la tutan lingvon...».

Per traduko de la *Neĝa Blovado* el Puŝkin, S-ro Grabowski *ekis* la Esperantan tradukan literaturon. Aplikante la 15-an paragrafon de la fundamento, li kuraĝe forĝis la necesajn vortojn el la 900 radikoj, kiujn enhavis la Universala Vortaro nesciante, ĉu liaj derivaĵoj kaj kunmetitaĵoj iam eniros en komunan uzadon. «Preskaŭ ĉiuj ili vivas ĝis hodiaŭ ; nur kelkaj kiel : *pikradetoj*, *alendema*, k. t. p., estis poste elpuŝitaj de novaj radikoj (spronoj, pacienca), kiujn eldonis D-ro Z. poste en sia vortaro ».

Post la *Neĝa Blovado* (el la rusa), S-ro G., trad., *La Gefratoj'n* (el la Germana, Goethe), la *Nova Jaro'n* (el Boleslav, Prus, pola) kaj *Janko-Muzikanto'n* (noveleton de H. Sienkiewicz, pola).

Tiuj verkoj feliĉe estas represitaj en la *Kondukanto*. Mi ne povas tro insiste konsili al la Esperantistoj, kiuj tion ne ankoraŭ faris, ke ili legu kaj relegu atente tiujn ĉarmajn verketojn. Pro la malmulteco de la radikoj ili koniĝos kun la fundamenta kerno de la lingvo kaj pli rapide kaj facile akiros tiun senton de la propra spirito kaj genio de nia lingvo, kiu forestas el la stilo de kelkaj nunaj rapidbakitaj aŭtoroj. Tiel ili senpene uzos kvankam sen troa ekskluziveco la esencajn radikojn antaŭ ol enkonduki senbezone neologismojn, riskante sufoki sub amaso da senutilaj novaĵoj la verajn vivoĝermojn de nia lingvo.

Cetere, eĉ laŭ nur historia lingva vidpunkto interese estas (laŭ esprimo de S-ro G.). « ekvidi, kiaj estis la infanaj trajtoj de la nune viriĝanta Esperanto ».

* *

Krom kelkaj frazkonstruoj iom pezaj aŭ mallertaj, kiujn kredeble ne uzus nuntempe la sama tradukisto, preskaŭ ne maljuniĝis la stilo de la nomitaj traduketoj, kiuj ankoraŭ alridetas al ni en freŝa noveco. Relegante kun plumo en la mano, mi notas : trouzon de la prepozicio *je*, akuzativon post substantivigita participo ( la ricevantoj vizitojn), sed ankaŭ multajn bonajn aprobindajn derivaĵojn, kunmetitaĵojn, pli larĝan kaj liberan uzon aŭ forĵeton de kelkaj finiĝoj kaj sufiksoj, ekzemple : *vilaĝisto*, *Amisto*, *ĉirkaŭejo*, *subterejo*,

*l'o vera, bela kaj bona,* la *gajnado en malgranda* (pomalgrande) *la malsana* (la malsanulino) ; viglajn esprimplenajn frazerojn : *ŝi lin koketis,* la *luno superlumis la violonon, Janko sur la kvaroj* (sur la kvar membroj) k. t. p.

Rapide progresadis en tiu apostola fervora laborado S-ro Grabowski, kaj eble sen ia troigo mi diros, ke lia stilo en *Janko-Muzikanto* jam estas plene maturiĝinta. Ĉu min trompas iluzio ? Ŝajnas al mi, ke malofte la Esperanta stilo ie ajn atingis pli da fleksema forto, sprita viglo kaj lerta harmonio, ol en tiu paĝeto, kiun la leganto permesu, ke mi citu, ĉar ĝi estos vera ornamo kaj sola valorigilo por mia recenzo :

« Oni ne sciis, el kie li venis tia sur la mondon ; sed por unu afero li estis pli avida, tio ĉi estas por la muziko. Ĉie li ankaŭ ĝin aŭdis, kaj kiam li nur iom elkreskis, tiam li jam pri nenio alia pensis. Li iras, ekzemple, en la arbaron post la bruto aŭ kun la dupoto por kolekti fragojn, tiam li revenas sen fragoj kaj diras : « Patrineto ! en la arbaro tiel io ludis ! Oj ! Oj ! ».

Kaj la patrino respondas : « Mi ekludos al vi, ekludos ! ne timu ! » Kaj iafoje ŝi faris al li muzikon per ligna kulerego. La knabo kriis, promesadis, ke li jam tion ne faros, sed tamen li pensis, ke tie en la arbaro io ludis.. Kio ? Ĉu li sciis ?... La pinoj, fagoj, betuloj, orioloj, ĉio ludis : per unu vorto, tuta l'arbaro !..

La homoj nomis nomis lin « Janko-muzikanto » !... En printempo li forkuradis el la domo por fari fajfilojn ĉe la rivereto. En noktoj, kiam la ranoj komencis kvakadi, la ortikoj sur la herbejoj triladi, la ardeoj super la roso bruadi, kiam la kokoj kantis post la bariloj, li ne povis dormi, li nur aŭskultis, kaj Dio sola scias, kian muzikon li ĉiam aŭdis. En la preĝejon la patrino lin ne povis preni, ĉar kiam ektondras la orgenoj, aŭ kiam oni ekkantas per dolĉa voĉo, al la infano la okuloj tiel sin kovras per nebulo, kiel se ili jam ne rigardus el tiu ĉi mondo... ».

. .

Kiamaniere plej ofte kondutas la grandfamaj naciaj literaturistoj ? Ĉu ili senprepare, nur leginte gramatikon kaj vortaron aŭ nuntempajn verkajojn, edukas sian stilon ? Ne ; ili pacience studadas la malnovajn modelojn, asimilas iliajn vortojn kaj esprimojn, kiel eble plej multon elĉerpas el la profundo mem de sia nacia lingvo, kaj nur poste kuraĝiĝinte disvolvas sur tiuj firmaj fundamentoj sian propran originalecon. Tiel ankaŭ devas konduti, laŭ mia opinio, la nunaj Esperantistaj literaturistoj. Ne per teoriaj diskutoj kaj tre facilaj proponoj de novajoj kaj plibonigoj, sed per ofta (ne ekskluziva) tralegado de la praaj beletristikajoj, per ne superstiĉa, tamen sincera respekto al la Fundamento, ili konservos la unuecon kaj simplecon de nia komuna lingvo malebligos ĉian timeblan disfalon, ne difektos la necesajn fidon kaj esperon, kaj kunhelpos, ke ni pli baldaŭ atingu la celon en gloro !

VERTO.

# LA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO

La tempo pasas rapide. Ĉiuj, kiuj ĉeestis la Antverpenan Kongreson ankoraŭ vigle memoras ĝiajn neforgeseblajn tagojn kaj certe ne kalkulis, ke depost tiu tempo forpasis jam preskaŭ 10 monatoj. Niaj kongresoj formas kvazaŭ ian mirindan ĉenon, kies ĉiun eron oni forĝis dum unu plena jaro. Apenaŭ oni alkroĉis unu eron kaj viglaj laboristoj komencas forĝi jam la sekvantan.

Mortis la Sepa kaj jen naskiĝis la Oka por baldaŭ aparteni al la pasinteco kaj cedi lokon al sia posteulo. Niaj kongresoj tre similas unu la alian, sed tamen ĉiu posedas ian specialan karakterizan stampon, kiu parte devenas de pure eksteraj, kvazaŭ hazardaj kaŭzoj, parte estas produkto de internaj, pli profundaj cirkonstancoj.

Kia estos la sukceso de la Oka laŭ tiu laste citita vidpunkto, neeble estas nun antaŭdiri ; sed la eksteraj kaŭzoj donas al ĝi gravan karakteron : ĝi okazas en la jubilea jaro de nia movado. Prave do oni povas nomi la Krakovan Kongreson « jubilea », kvankam ne en tia senco, ke ĝi laŭ sia vico meritu tiun titolon, sed plej verŝajne la laŭvice « jubilean » kongreson ni ne ĝisvivos, ĉar espereble baldaŭ ni ne plu bezonos aranĝadi la universalajn kongresojn... La fina venko de nia afero venos pli frue ; ni jam ne bezonos preparadi la 25-an...

La Organiza Komitato, konsciante la gravecon de la jubilea jaro, klopodas per ĉiuj fortoj doni al la Oka escepte solenan karakteron. Mi ne citos ĉi-tie la programon de la Kongreso, ĉar — se mi ne eraras — ĝi estas dissendita de la Komitato kune kun la sesa cirkulero kaj baldaŭ aperos en ĉi tiu gazeto. Sed mi priskribos iom pli detale kelkajn punktojn de la programo.

La komuna festmanĝo, kiu estas projektata por dimanĉo vespere, havas la celon ebligi al la kongresanoj tuj en la unua tago de la Kongreso la reciprokan interkonatiĝon kaj interamikiĝon. Tiu festo celas ankaŭ ion alian, sed ĉar la Komitato deziras agrable surprizi la kongresanojn, mi preferas konservi la sekreton...

La « Jubilea Festvespero » postlasos supozeble daŭrajn impresojn. Ĝin komencos kantato, kies tekston verkis nia fama poeto S-ro A. Grabowski kaj al kiu la muzikon alfaris S-ro Walewski, profesoro de Krakova Muzika Konservatorio kaj eminenta komponisto. La teksto de la kantato estas tiel pensoplena kaj la muziko tiel altfluga kaj potenca, ke ĉiuj elementoj kune, la paroloj, la ĥorkanto kaj la orkestro, kunfandiĝas en grandiozan tuton. Inter la aliaj partoj de la programo troviĝas deklamoj, prezentotaj de geartistoj de Krakova urba teatro, kaj kantoj, per kiuj ĉarmos la aŭdantaron perfekta ĥoro kaj eminenta opera kantistino F-ino Debicka. Multemembra orkestro klopodos doni pruvojn de sia artismo,

Eble la plej granda allogaĵo de la kongresa festprogramo estas la ekskurso al la Wieliczka'aj salminoj. En profundo de 300 metroj sub la tersupraĵo vi trovos kvazaŭ subteran urbon ĉarpentitan el salo : grandegajn halojn, dancsalonojn, lagojn, kapelojn, riĉe ornamitajn per salskulptaĵoj, kolonoj kaj sanktulaj statuoj, stratojn, koridorojn, galeriojn, etaĝojn. Vera labirinto !

Imagu nun al vi jenan bildon : La subteraĵoj dronas en lumo de lustroj kaj kandelabroj, torĉoj kaj bengalaj fajraĵoj ; kaŝita en unu el la galerioj kantas ĥoro, akompanata de orkestro ; la kanto eĥe resonas en la grandegaj haloj, kaj la sonoj de nia himno, rebatiĝinte centfoje je la muroj de la senfina vico de subteraj salonoj kaj kameroj, fariĝas tiel potencaj, tiel impresaj, ke oni inklinas kredi, ke la kanto ne devenas el homaj brustoj, sed, ke en la mino kaŝiĝis ĥoro de gigantoj...

Lacigitaj pro la premanta amaso da neordinaraj impresoj ni forlasas la subteraĵojn parte kun bedaŭro, parte kun ĝojo, ĉar la okuloj sopiras jam al suno.

La strečitajn fortojn devas refreŝigi la vere meritítaj ripozo kaj dormo, ĉar merkrede atendas nin nervoskuanta spektaklo « Mazepa ». La tragedio estas jam tiel bone konata al la Esperantistaro, ke estus tute superflue rakonti ĉi tie ĝian enhavon. La homaj pasioj, prezentitaj jen en malserena tragedia, jen en satira kaj humorplena maniero, la rapide disvolviĝanta agado, la ŝanĝoplenaj scenoj igas la aŭskultantaron reteni la spiron...

La Kongresanoj estas gaja kaj bonhumora anaro. « Mazepa » trostreĉis iliajn nervojn, tro premis iliajn korojn — oni devas ŝanĝi la impresojn. La Komitato zorgis pri tio kaj preparas en la « Teatro de Novaĵoj » gajegan, ridigan programon. La burlesko « Ĉio en ordo », kupletoj, monologoj kaj kabaretaj kantoj, la prezentado de dresarto kaj akrobataĵoj, distros la kongresanaron kaj redonos al ili la kutiman bonhumoron.

Kun malpacienco la Kongresanoj kaj precipe la bela sekso atendas ĉiam la tradician balon. En luksa, riĉe ornamita salono kunvenos la kongresa popolo : multemembra orkestro ludas senlace valsojn kaj polkojn, la gejunuloj dancas fervore ĝis la spiro al ili ekmankas, kaj la pliaĝuloj, kies kruroj fariĝis jam rigidaj, kolektiĝos en grupetoj kaj vigle diskutos pri... centra organizo de la Esperantistaro...

Nu mi konstatas, ke mia artikolo fariĝis jam pli longa, ol tion deziris la estimata Redakcio. Kun bedaŭro do mi devas ĝin fini kaj preterlasi la priskribon de multaj aliaj festoj kaj aranĝoj, kiujn la Komitato preparas.

La Komitato kun sindono kaj sinofero plenumas siajn devojn, ĝi streĉas ĉiujn fortojn por agrabligi al la Kongresanoj la festan semajnon, ĝi ĉiam havas antaŭ la okuloj la gravan karakteron de la Oka : ĝian jubileecon. Sed ĉu la Esperantistaro plenumas siajn devojn? Ho ve, ne! Milfoje ne! La nombro de la aliĝintoj estas ĝis nun tro malgranda. Ĉu efektive la Kongresanoj estas preskaŭ senescepte nur « turistoj »? Vi certe miras pri tiu esprimo — mi ĝin klarigos : Antaŭ kelkaj semajnoj mi parolis kun unu el la Krakovaj parlamentaj deputatoj, kiu skeptike rilatas al nia afero Kiam mi komencis rakonti al li pri niaj brilaj kongresoj, li respondis : « La kongreso ne estas celo, sed nur bona okazo por viziti la kongresan landon. Ĉiuj ĝisnunaj kongresoj okazis en landoj, kiuj estas allogaj laŭ turisma vidpunkto kaj pro tio ili kouvenigis tiom da Kongresanoj. Sed ĉar nia lando, (la aŭstria parto de Polujo) kvankam ne malpli vidinda, ol la aliaj, ne sukcesis ankoraŭ sufiĉe disfamigi en la eksterlando siajn naturbelaĵojn kaj vidindaĵojn, pro tio al la Krakova Kongreso venos nur tre malmultaj Esperantistoj ». Mi provis refuti la argumentojn de la citita sinjoro, ĉar mi devis defendi nian movadon, sed persone mi inklinas diri tute malkaŝe : « Kaj eble tamen li estas prava? »

Samideanoj! Montru, ke vi venas al niaj kongresoj ne pro viaj turismaj aspiroj, sed pro la afero mem! Memoru, ke ne sufiĉas nomi la Okan « jubilea », sed ke ĝi efektive devas havi tian stampon! Sed kiu donos al ĝi la karakteron de jubilieeco? Certe ne la Komitato, sed nur vi kaj sole vi. Se la Krakova Kongreso ne atingos almenaŭ la meznombron de partoprenantoj en la antaŭaj kongresoj, niaj malamikoj havos bonan materialon por pruvi, ke nia movado malkreskas.

Venu do grandare, multenombre, por en vasta rondo festi la jubileon de nia lingvo!

NAPOLEONO.

## OKAZONTAĴOJ

*Junio*

(18-28). — *Kiel'*a semajno ; marsportaj konkursoj.
(16-20). — Unua universala kongreso de la naciecoj en *Paris.*
(21-24). — Kvara internacia fizika kongreso en *Roma.*
(24-27). — Dudeksepa ĝenerala kongreso pri oficiala prizorgo kaj edukado en *Dresden.*
(18-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj en *Praha.*

*Julio*

(16-22). — Tridekdua federala kant-festo en *Neuchâtel.*
(12-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno.*

*Aŭgusto*

(22-28). — Internacia matematika kongreso en *Cambridge.*
(6-11). — Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono*
(12). — Kongreso pri artindustrio, desegnado kaj aplikita arto en *Dresden.*
(19-20). — Konkurso de muziko en *La Rochelle.*
(22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago.*
(26-31). — Deknaŭa internacia kongreso de Paco en *Genève.*

*Septembro*

(3-7). — Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj materialoj en *New-York.*
Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago.*
Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo.*
Internacia interparlamenta konferenco en *Ĝenevo.*
(1-6). — Internacia kongreso de liberpenso en *München.*
(4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier.*
(6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Wasington* kaj *New-York.*
(9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).
(10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laborista protektado en *Zürich.*
(12-15). — Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno.*
(14 sept.-6 okt.). — Internacia ekspozicio de la karbogasaj industrioj en *Amsterdam.*
(22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Wasington.*
(24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston.*

*Oktobro*

(8). — Internacia diplomatia konferenco pri la internaciaj ekspozicioj en *Berlino.*
(16-21). — Internacia kongreso de la historio de arto en *Romo.*
(17-21). — Balneologia kongreso en *Meran.*

*Dum la jaro :*

*Aprilo-Septembro.* — Bavara metia ekspozicio en *München.*
*Majo Oktobro.* — Angla-Latina ekspozicio en *Londono.*

C. O. de U. E. A.

## ALVOKO AL STUDENTOJ

Por la studentoj kiuj deziras lerni la francan lingvon, la Dijona Universitato organizas specialajn libertempajn kursojn de la 1ª de julio ĝis la 1ª de oktobro. Ili estas tiel aranĝitaj, ke oni povas ilin viziti je kiu ajn epoko post la komenco. Tiuj kursoj estas tute speciale rekomendindaj por Esperantistoj kiuj tute ne scias la francan lingvon, ĉar, krom la rektoro S-ro Boirac, la direktoro de la kursoj, S-ro Prof. Lambert estas unu el niaj plej fruaj kaj eminentaj samideanoj. Plie, se la nombro de la Esperantistaj studentoj estos sufiĉe multaj, oni organizos specialan kurson por instrui al ili la francan lingvon per Esperanto laŭ speciala metodo : oni helpu al tiu interesa provo : *jam kelkaj enskribiĝis.*

Por ĉiuj kondiĉoj, prezoj, vivado, k. c. oni skribu al la Del. de Dijon, S-ro Rousseau, 37, rue J.-B. Baudin, kiu sendos la esperantistan universitatan gvidfolion kaj la gvidfolion kun plano de Dijon. La Patrona Komitato de fremdaj studentoj estas Esperantia Entrepreno.

UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO. — GENÈVE, 10, rue de la Bourse

Tuj aperos du verkoj
de S-ro Edmond PRIVAT
Privat-Docento ĉe Ĝeneva Universitato

# HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO

**Unua parto : 1887-1900, enhavo :**

Antaŭparolo ; Esperanto kaj indo-eŭropaj lingvoj ; Zamenhof kaj deveno de Esperanto ; Apero de " Unua Libro " ; Unua jaro ; Pri la " Dua libro " ; La rolo de Zamenhof ; La " Amerika Filozofia Societo " kaj la " Aldono al Dua Libro " ; La Nürnberga Klubo, Einstein " La Esperantisto " ; La Ligo ; La reformaj diskutoj en 1894 ; Upsala Klubo kaj « Lingvo Internacia » ; Esperanta Literaturo ; Tradicioj ; Komenco de franca movado ; De Beaufront kaj lia influo sur la lingvo ; " L'Esperantiste " ; La spirito de la Lingvo. **Rekomendita por Kandidatoj al superaj ekzamenoj. Bindita, Sm. 0.50.**

## " KARLO ", Rakonto en 20 Ĉapitroj

**Kvara eldono, entute represita laŭ la originala manuskripto kun ĝis nun nepresitaj partoj**

*Marie Hankel* skribis : « Jen bela originala verko en nia Esperanta literaturo. Kvankam ĝi celis nur esti facila legolibro por komencantoj, " Karlo " estas vera juvelo literatura. Per sia dolĉa sentemo, samtempe melankolia kaj ŝercema, tiu sprita noveleto estas plej ĉarma legaĵo ».

*Tiu verko estas uzata kiel* **legolibro** *en Esperanto-Kursoj de Anglujo, Francujo, Italujo, Rusujo, Germanujo kaj aliaj landoj, pro sia* **klara kaj facila stilo. Prezo, Sm. 0.20.**

NOVAJ LIBROJ :

## FABIOLA

RAKONTO PRI LA KATAKOMBOJ, DE KARDINALO WISEMAN,
TRAD. E. RAMO

Dika volumo in-8, 427 paĝoj. Prezo : Sm. **1,40** (fr. **3.50**)
(afranke) Sm. **1,76** (fr. **4,40**).

## EN SVISLANDO

El verkoj de svisaj aŭtoroj
Luksa volumo ilustrita, 104 paĝoj
Prezo : Sm. **1,4** (afranke)

## Eĉ en doloro ni estu ĝojaj

de Adèle KAMM
Luksa broŝuro, 40 paĝoj. Prezo : Sm. **0,48** (afranke)

## Kredo kaj Scio

Parolado de D-ro P. GRUNER
profesoro de teoria fiziko ĉe la Berna Universitato
Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm., **0,30** (afranke)

## Dankon

de Th. COMBE
Broŝuro, 16 paĝoj. Prezo : **0, 16** (afranke)

## Perfekta Kuiristino

Unuakta komedio de B. HENTSCH
Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm. **0,20** (afranke)

**Kulturceladoj de la nuntempo.** — De S-ro D-ro Aug., Forel, trad., D-ro Fr., Uhlmann. Tiu ĉi nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en konciza, interesplena kaj populara maniero. — Prezo : Sm. 0,50 (afranke).

**Paŭlo Debenham.** — Romano originale verkita en Esperanto de H. A. Luyken. Tiu originala verko, rimarkinda tiel pri la stilo kiel pri la enhavo, estis rigardata de la Esperanta gazetaro, kiel unu el niaj plej bonaj originalaj literaturaĵoj. Prezo : Sm., 1,12 (afranke).

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktaĵoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio. — Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj. — Prezo (kartonite) : Sm. 2.

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj. — Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, Mono. — Prezo : Sm. 0.20.

**Historieto de Esperanto.** — Premiita ĉe la literatura konkurso de la Sepa Kongreso. Verkis D-ro A. Fiŝer. Prezo : Sm. 0,24 (afranke).

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizajoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze. — Prezo : Sm. 0.50.

**Kion la Vivo alportis.** — Dek originalaj poemoj de D-ro Schulhof, Antaŭparolo de M. Hankel. — Prezo : Sm. 8.20.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75 *Poŝtkartoj arte ilustritaj*
*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60 10 ekz. $ 0.40
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Basel (Svisujo). — S-ro Paul Seyder, Schlossfach 15.638, L. (pri militistaĵoj kun ĉiulandaj oficiroj).

Bomlitz, Kr. Fallingbostel (Germanujo). — S-ro Georg. Brockhof (estro de la fabriko por la fabrikado de pulvo senfuma kaj redaktoro de la « Bontemplano » pri pulvo kaj alkoholdemando) L. PI., gazetoj.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Gancon (Francujo, Lot-et-Garonne). — F-ino Denise Marey, PI.

Frankfurt-a-Main (Germanujo). — S-ro Karl Naber, Rothofstr., 28, L., gazetoj, kuriozaĵoj, tipkostumkartoj.

Kiŝinev (Rusujo, Bessarabio). — S-ro Kenig, gimnazio, poste restant e, PI.

Linkœping (Svedlando). — S-ro Pengt Arre, estro de bankkontoro, PI. (kun ekstereŭropanoj, karakterizaj pejzaĝoj aŭ urblokoj; bildoj montrantaj popolajn morojn aŭ urblokoj ; bildoj montrantaj popolajn morojn aŭ tipojn. Mallonga klarigo esperante bildflanke).

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Mallorca, insulo (Hispanujo). — S-ro Ramon Sbert, kuracosciencstudento, strato Cruz, 14, Llubi, PI. L. PM.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moskvo (Rusujo(. — S-ro T. Colev, Bolŝie Kamentŝiki, 22.

Moskvo (Rusujo). — S-ro Pavelo Burlakoff, Pertowska-Razumovska aleo dom 6, kv., 2 (pri stenografio).

Noord-Scharwoude (Nederlando). — S-ro K. Keeman, PI. (kun alilanduloj).

Odense (Danujo). — S-ro Alfred Christensen, Frederiksgade 31/III, PI., L., muzikaĵoj.

Paris 19 (Francujo). — S-ro Jose Jorba, Avenue d'Allemagne, 14.

Veghel (Nederlando). — S-ro W. Janussen. buĉisto, N-o 194, PI., PM. L.

Veghel (Nederlando). — S-ro Antonio Franssen, PI., L., PM., bfl.

Veghel (Nederlando). — S-ro H. v. d., Vondevoort, PI., L., PM.

Verona (Italujo). — S-ro Zocle Foresti, Lungadige Panvinio, 9.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

B. L. E. S. « F » S-RO ANT., POLIVKA, Vieno XIII/2, Goldschlagerstr., 125. dez., interŝanĝi PI., PM., gazetojn Esperantajn ; por ĉiu gazeto estas sendata duopa aŭ triopa PK. Helpu disvastigi Esperanton en la Viena laboristaro.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

EKSPOSICIO. — Por vere propaganda celo, mi intencas aranĝi Esperantan Ekspozicion, pro kio mi bezonas helpon de bonvolemaj samideanoj kaj esperantistaj firmoj, de kiuj mi petas la plej baldaŭan alsendon de ĉiuspecajn esperantaĵojn ; broŝurojn, prezarojn, katalogojn, gvidlibrojn, kaj t. p., kun koraj antaŭdankoj Santos Ortiz de Arri Str., Guetaria, 10, San Sebastian (Hispanujo).

FILATELISTOJ. — Sendu al S-ro Dupuis, 2, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris (Francujo), 3, 6, aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos 20. 40 aŭ 60 diversajn poŝtmarkojn de la francaj kolonioj kaj specialan katalogon de poŝtmarkoj. Petu la faman katalogon Yvert-Tellier, Fr. 4.25 (Sm. 1.70) afrankite-rekomendite.

GAZETOJ. — Mankas al mi la numeroj 1 kaj 2 de la « Revuo » (1-a jaro). Mi pagos por tio duoblan prezon. S. Aae, Horsens-Danujo.

KOLEKTANTO DE HORLOĜOJ deziras, okaze de la oka en Krakovo, interrilati kun posedantoj de antikvaj horloĝoj el ĉiuj tempoj kaj landoj, speciale el Japanujo, por pliriĉigi sian kolekton per aĉetoj. Adreso por skribaj komunikoj kaj proponoj : Rudolf Kaftan, Wien XIX, Billrothstr. 69.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandaj interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

MAGNUS-SONDAHL. — Instituinto de l'Ortologio kaj fondinto de l'Sociokrataj Burgoj, proponas al ĉiuj interesuloj la solvon de l'problemo de l'estingado de l'Paŭperismo mentala kaj materia. La estingado de l'Paŭperismo mentala solviĝas per la senpaga instruado de l'*Universitato Ortologa*, la estingado de l'Paŭperismo materia per la instituado kaj aplikado de l'*Plutometria* sistemo, kaj per la fondado de l'*Sociokrataj Borgoj* aŭ *Ĝarden-Urboj*. Petu klarigojn ! Per la kotizaĵo da 1 Sm., monate al la *Kooperativo Universala de Produkto kaj Konsumo*, ĉiu persono povos esti loĝata ĉe la Burgoj, en Brazillando. en kiu ajn ŝtato ĝi venos, transporto inkluzive. Petu Statutojn kaj Prospektojn ! Turnu vin al D-ro *Magnus Sondahl*, Inspeetor Agricola, Salvador-Bahia, Brazillando.

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiana (Norvegujo) Sm. 0,15 (du responkuponoj) afrankite.

PENSIONO. — Firenze, S-ro L. Scarselli, urba instruisto, D., de U. E. A. (Viale Cialdini 24) akceptus pensione fremdan fraŭlinon en sia domo, lokata en ĉarma preskaŭ kampara ejo.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinaj landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46. Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).




















*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


